XIVa jaro. No 205/206 (9/10) ☆ Monata ☆ 5 septembro/5 oktobro 1917

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAJOJ

# LA LASTA MILITO?

La nuna milito diferencas de la antaŭaj ne sole per siaj grandegaj proporcioj, per la mirinda perfektiĝo de la detruilaro, per la graveco de la homperdoj, per la profundaj transformoj en la ekonomia vivado de la popoloj, per la sendecida karaktero de la armeaj operacioj, sed ankaŭ — tio estas la plej grava el ĉiuj konsekvencoj — per la influo, kiun ĝi havas je nia pensmaniero.

Dum la hombuĉadoj de la pasinto ne vekis ĉe niaj prapatroj daŭran reagon kontraŭ la principo mem de la milito, kiu al ili ĉiam aperis kiel natura malfeliĉo apenaŭ evitebla, ni nun kun indigno ĝin malakceptas, ni ĝin konsideras kiel senutilan barbarajon, kiel krimegon kontraŭ la homaro. Nian indignon kreskigas la fakto, ke ni komencas kompreni, ke la milito ne estas natura fatalaĵo simila al tertremo aŭ vulkansputo, sed ke, kontraŭe, ĝi povus esti evitita per ĝustatempa antaŭzorgo de la homoj. Ĝuste tial ni vidas, ke la registaroj tiel energie penas pruvi sian senkulpecon. La bataladon per la dokumentoj kaj artikoloj ili juĝas ne malpli atentinda ol la bataladon per la kanonoj.

Neniu jam povas dubi, ke la nuna milito senkreditigis la principon mem de la milito, kiu de nun aperas kiel absurdaĵo nedigna je la progresoj de la civilizo.

El tiu konstato naskiĝis la espero, ke instruitaj de la plej terura sperto, kiun oni povus imagi, la popoloj morgaŭ demetos la armilojn kaj aliĝos al la idealo de unuigita kaj pacigita homaro. Estis dirite, ke tiu ĉi milito mortigos la militon.

Tamen, esperi, ke la nuna milito estos la lasta, ne sufiĉas, por ke tio fariĝu fakto. La malamo al la milito estas valora helpilo en la batalado por la starigo de nova ordo, sed ĝi povas konduki al pozitiva rezultato nur se nia spirito havas sufiĉe precizan ideon pri la praktikaj rimedoj por solvi novajn konfliktojn. Por vivi en bona sano, ne sufiĉas maldeziri la malsanon, sed oni plie devas havi higienon, vivmanieron, kiuj antaŭforigas la eblajn kaŭzojn de malsano.

Malfeliĉe, kvankam la pli multaj homoj malaprobas la principon de la milito, nur malmultaj ekzistas, kiujn interesas la demando, kiel eviti la reokazon de la nuntempa barbaraĵo. Estas timinde, ke je la paco la homaro, okupota de aliaj taskoj ŝajne pli urĝaj, refalos en la antaŭan erarsistemon kaj tiel perdos la profiton de siaj tragediaj spertoj. Kontraŭ tiu ebla danĝero — la forgeso post la suferado — ni gardu la publikan opinion, starigante antaŭ ĝi jam nuntempe la problemon pri internacia ordo en ĝia tuta amplekso. Kiu sub diversaj pretekstoj pretendas prokrasti la studadon kaj diskutadon de tiu problemo, tiu estas, ĉu li ĝin volas aŭ ne, preparanto de la estonta malordo kaj sekve de novaj militoj. Same danĝera li estas kiel la militemulo.

La serĉado de la rimedoj necesigas la konon de la kaŭzoj. Nu, en tiu rilato nia juĝokapablo estas ankoraŭ tre nesufiĉa. Ni ja kun energio denuncas la prirespondajn individuojn, kvankam ni tro ofte faras tion pli laŭ niaj impulsoj aŭ laŭ la sugestoj de la kreantoj de l' opinio ol laŭ la senpartia ekzameno de la faktoj; ni ja akuzas kaj riproĉas la „kulpajn“ registarojn; ni postulas, ke ili estu severege punataj. Sed estas rimarkinde, ke en niaj esploroj pri la militkaŭzoj ni preskaŭ ĉiam malatentas la esencan, nepersonan,

konstantan elementon de la problemo, la ĉefkaŭzon de ĉiuj militoj, nome la *sistemon* de la interŝtataj rilatoj, kies propra logiko superregas la volon de la registaroj kaj de la popoloj. Ĉar ni ignoras la veran kaŭzon de la publikaj malfeliĉoj, ni povas proponi nur duonrimedojn, ĉiam samajn kaj ĉiam nesufiĉajn: puni la „kulpulojn", ŝanĝi la landolimojn ĉe kelkaj punktoj, starigi novan ekvilibron tiel nefirman kiel estis la antaŭaj. Ni ne sukcesas eliri el la fatala rondo, interne de kiu la homaro dum jarcentoj kaj jarcentoj erarvagadas, foririnta de milito kaj rekondukita al la milito, ĉar ĝi ne ankoraŭ kapablas sin regi. Tio daŭros tiel longe kiel ni obstinos imputi al homoj tion, kio en la realeco estas la logika efiko de certa sistemo, pri kies konservado ĉiuj popoloj estas kulpaj. Ni ne kredu la potencon de la registaroj pli granda ol ĝi estas. Kiel ajn senskrupulaj estas certaj popolgvidantoj, ili estus malhelpataj endanĝerigi la internacian sekurecon, se la mondo estus organizita por la paco anstataŭ esti organizita por la milito. La logiko de la sistemo estas pli forta ol la logiko de la homoj.

Internacia anarkio estas la taŭga nomo de la sistemo, kiu nin regas, kaj de kiu la milito estas neforigebla. Ĝin karakterizas la kunestado de suverenaj nacioj, kiuj en siaj reciprokaj rilatoj konas nenian alian leĝon ol sian intereson.

Feliĉe la homoj havas la povon ŝanĝi la sistemon, kiu subpremas ilin. La solvo estas konata. Ĝi konsistas en tio, ke oni anstataŭu la anarkion per la ordo, la tumultan ĥaoson de la sendependaj nacioj per la libera asocio de la popoloj. Ne ies venko sufiĉos per si mem por mortigi la militon. Sole povas atingi tiun grandiozan rezultaton fundamenta transformo de la interŝtataj rilatoj realigota de la popoloj pli bone edukitaj kaj pli racie instruitaj pri iliaj veraj interesoj.

La plej granda venko, la plej fruktodona, la plej daŭra, la plej dezirinda estos tiu, kiun la homaro gajnos super si mem, sin liberigante el la katenoj de la pasinto, forjetante la kadukiĝintajn antaŭjuĝojn, kiuj ĝin pereigas, kaj celadante per ĉiuj siaj fortoj al la luma idealo de unuigita naciaro.

*H. Hodler.*

---

Nenia pli granda doloro, ol en la mizero rememori pri la tempo feliĉa. — *Dante.*

Rakontante siajn malfeliĉojn, oni ofte igas ilin pli facile elporteblaj. — *Corneille.*

La homo povas elporti nur limigitan gradon de morala doloro; transe, li neniiĝas aŭ indiferentas. — *Goethe.*

La sufero estas neapartigebla de la vivo; la homa ekzisto estas nur senfina vico de suferoj kaj doloroj. — *Vakia Muni* (Buddha).

Mil ĝojoj ne valoras unu turmenton. — *Petrarko.*

Duoble malfeliĉa estas, kiu iam feliĉa estis. — *Publ. Syrus.*

La feliĉo kaj la deziro ne povas kunesti. — *Epikteto.*

Ni ĉiuj serĉas la feliĉon, sed ne sciante kie ... same kiel ebriuloj serĉas sian domon, sciante konfuze, ke ĝi ekzistas.
*Voltaire.*

Kiujn ajn rimedojn ili uzas, ĉiuj homoj celas esti feliĉaj, eĉ tiuj, kiuj sin memmortigas aŭ pendigas. — *Pascal.*

La feliĉo konsistas en tio, ke oni pensu pri nenio. — *Sofoklo.*

Por esti feliĉa oni bezonus korpon de atleto kaj animon de saĝulo. — *Voltaire.*

La feliĉo estas nenio alia ol la ĉeso de la doloro. — *Epikuro.*

La feliĉo estas la sindono al revo aŭ al devo; la ofero estas la plej certa rimedo por atingi la ripozon. — *Renan.*

 SOCIA VIVO 

## La milito kaj la natura evolucio

Tra la centjaroj la tuta vivo de la organizitaj specoj, plantoj, bestoj, homoj kaj socioj estas submetata al la granda leĝo de l' evolucio. Tiuj, kiuj bone adaptiĝis al la medio, pretervivas kaj multiĝas, la aliaj malaperas. Tiel ĉar nur parto de la idaro pretervivas, iom post iom modifiĝas la prapatra tipo; ĝi evolucias laŭ la direkto, kiun oni nomas progreso.

Tiu natura elekto de la adaptitaj organismoj, ekskludante la aliajn, estas ŝuldata al pluraj faktoroj, unu el kiuj estas la pornutra batalado.

De supre malsupren de la animala skalo, unu el la kondiĉoj pri la daŭro de l' speco, estas la kapablo manĝi aliajn organismojn, ĉar organika nutraĵo estas pli facile asimilebla ol mineralaĵo; la superaj bestoj povas sin nutri nur per jam organizita substanco. Tial la precipa priokupo de preskaŭ ĉiuj instinktaj estaĵoj estas la detruado de la aliaj. La trutoj de la riveroj manĝas insektojn, ni manĝas tiujn trutojn; kiam ni malsaniĝas, ni vivante estas konsumataj de bakterioj; mortiginte nin, tiuj baktèrioj estos kun niaj restaĵoj manĝataj de la larvoj; fariĝinte insektoj, tiuj larvoj superflugos la riveron, ilin kaptos truto, kaj rekomencos la rondiro.

Kiam en 1809 Lamark, poste en 1859 Darwin publikigis siajn laborojn pri la evolucio, tio estis grava okazintaĵo en la historio de la homa scienco. Velo estis deŝirita, vasta nova horizonto malfermiĝis antaŭ la okuloj de la sciencistaro. Kio ekscitis la imagon, tio estis precipe la rolo, kiun en la naturo ludas la universala batalado. Iuj estis tiel forte, frapitaj de tiu fakto, ke ili ĉie konsideris la bataladon kiel la sole eblan elementon de progreso. Kabinetaj filozofoj, kiuj ne bone legis Darwin kaj la mondon tro malmulte observis, ankoraŭ pli eraris; anstataŭ la bataladon kontraŭ la vivanta aŭ mortinta medio, ili konsideris la mortigan bataladon inter du antagonistoj, kies fortoj estas kompareblaj. Tio estis pli ol eraro, ĝi estis eraro starigita kiel dogmo, kaj tiun dogmon oni en la nomo de la scienco oponis kun sukceso al la interhelpema kaj humana metafiziko de Kant.

En ĉiuj landoj la militista kasto, kies prestiĝon domaĝis la demokrata ondo de 1848, relevis la kapon. En la nomo de la scienco oni proklamis la utilon de la milito kaj kriis: „La batalado estas la granda motoro. La natura leĝo montras, ke la milito estas la faktoro, kiu determinas la naturan elekton; ĝi fortigas la homan rason eliminante la malfortulojn kaj hardante la fortulojn." Kortumaj teologoj predikis: „La milito estas armilo en la mano de Dio, ĝi al la justulo donas la venkon kaj la estonton, al la malbonulo la merititan morton. Sankta ĝi estas; ne tuŝu ĝin." La liberala ekonomia skolo skribis: „La absoluta libera konkuro estas la necesega kondiĉo de ĉia progreso, ĉar sub tiu reĝimo la fortulo regas super la malfortulo kaj kreas la estonton." La socialismo, fariĝinta scienca, dekretis: „La socia progreso venos nur per la klasbatalado."

Sed ne sufiĉas aserti por esti prava. Nur per la observado de l' faktoj povas esti fiksita la scienca vero. Ni reprenu la problemon objektive. Kiam oni devos ion decidi, la sentoj ludos rolon; por ion ekkoni, oni devas abstrakti ilin. Kion al ni diras la naturaj leĝoj:

I. *En la naturo, la mortiga batalado inter samspeculoj ne ekzistas.* Ĝi do ne povis ludi rolon en la evolucio de la estaĵoj nun vivantaj. Se ĝi ekzistis en la estinto, ĝi

kaŭzis la malaperon de la specoj, en kiuj ĝi okazis. La milito estas inventaĵo de l' homo kaj de la maloftaj sociaj insektoj (ekzemple, la formiko). Nicolaï en sia freŝa verko pri la milita biologio prave insistas pri tiu punkto. „La lupoj ne manĝas unu la alian," diras la proverbo.

Kiam iuj opinias, ke la milito estas la revekiĝo de la homa besto, tio estas vera pri la militisto, kiu seksatencas tio estas vera pri la militisto, kiu aŭtomate obeas al la komando kaj sekvas la trupon, tio estas vera pri la soldato, kiu forkuras, tio ne estas vera pri tiu, kiu mortigas sian samspeculon. Tion la besto ne faras.

Tamen iu formo de unuopa batalado ludas gravan rolon en la natura elekto, nome la batalado de la virseksuloj por la posedo de la virinseksuloj. Tiu batalado ne celas la detruon, sed la eliminon; ĝi procedas per timigo; malofte ĝi estas mortiga kaj ne povas esti komparata al la milito.

La brila plumaro per kiu sin ornamas la fazano por plaĉi al la fazanino en la tempo de l' amo eble rememorigas pri la koloroj, per kiuj la generaloj ornamas la soldatojn por stimuli ilian servoĝojon faciligante iliajn sukcesojn de belaj viroj. Malbriligante la koloron de la militistaj uniformoj, la moderna strategio forigis la lastan punkton, ĉe kiu la milito similis al tiuj naturaj bataloj (mi parolas pri la brilaj koloroj, ne pri la amsukcesoj).

II. *En la tuta zoologia serio la detrua batalado renkontiĝas nur inter specoj kaj individuoj de forto tute malsama. La besto, kiu ĝis nun la naturan elekton pretervivis atakas nur tiun, de kiu ĝi timas nenian reziston vivdanĝeran; la veran bataladon ĝi timas.* Aŭ ĝi paŝtas vegetaĵojn aŭ ĝi manĝas bestojn multe pli malgrandajn (la pasero manĝas larvojn, la kato musojn, la boao leporojn aŭ ŝafidojn). La grandaj karnobestoj serĉas gazelojn, ili atakas samulojn nur kiam ili malsatas, kaj kiam ili minacas la homon, ili agas kontraŭ sia intereso kaj tiu de sia raso; tio estas ofte mortdecido por ili kaj ilia idaro.

Tiu neegaleco de talio inter la atakanto kaj la atakato observiĝas ankaŭ laŭ kontraŭa direkto ĉiam pro instinkta timo je la batalado. La speco tiam ŝuldas sian savon kaj tiun de sia idaro al la fakto, ke ĝi atakas estaĵon tiel pli grandan, ke ĝi ne estas ekvidata per la malakraj sentoj de sia viktimo; ĝia malgrandeco mem estas protektilo. Ekzemple la tuberkuloza bacilo, multege pli malgranda, nekapabla je iu movo, senforta kiel herbeto, tre bone troviĝas, sin nutrante el la pulmoj de l' homo, ĉar ĝi venkas lin tiel longe, kiel li ne estas adaptita batali kontraŭ li. La utilo de l' malgrandeco montriĝas ankaŭ per tio, ke la homo senkonscie supleas je la senmoveco de la bakterio transportante mem sian malamikon de unu al la alia.

III. En la universala ĉasado de la pure instinktaj estaĵoj, la estonto apartenas ne al la plej bone armita por batali, sed al la plej bone organizita por eviti la atakanton. *La sistema forkuro antaŭ la malamiko estas la granda savfaktoro de la specoj;* ĝi estas pli ol la defenda batalado. La plej perfekta forkuranto estas tiu, kiun la naturo elektas por la estonto.

La kapreolo, kiu pretervivis, estas tiu, kies aŭdo estas la plej delikata por ĝustatempe averti pri la danĝero, kaj kies piedo estas la plej malpeza por forkuri. La sovaĝa kapro kun la potencaj kornoj malaperas de Alpoj, post la urso kaj la linko. La ĉamo, malpli armita, sekve malpli ĝenata por la kurado, pretervivas. La testudo kun la molaj membroj venke trapasis la centjarojn, ĉar anstataŭ batali ĝi sin kaŝas sub dika kiraso; la grandaj saŭrioj pereis, ili estis fortege armitaj, sed tro dikaj por sin kaŝi.

IV. *Same estas en la historio de la popoloj; la malplej militemaj pretervivas, la batalemaj malaperas.* La Ĥinoj kaj la Hebreoj havas civilizon malnovan je tridek centjaroj. Kiel la testudo ili ĉiam evitis la bataladon, kaj kiam ili militis, ili estis venkitaj. Kio fariĝis la venkantaj militistoj, kiuj forkurigis siajn samtempulojn: la malnovaj Egiptoj, la Babilonanoj, la Medoj, la Makedonoj de Aleksandro kaj la Hunoj de Atilo? Francujo estis la plej granda mondpotenco ĝis Napoleono la konkiranto. Kiam popolo venkas alian, triumfas la pli produktema kaj la pli inteligenta, eĉ se ĝi estas militvenkita.

V. *La reciproka helpo estas pli grava savfaktoro de l' speco ol la plej potenca individua armaĵo.*

Kiam en 1890 Kropotkine science demonstris, ke en la natura elekto la unuiĝo pli efikas ol la batalado, li multe progresigis la homan scion. Li rekondukis la evolucian sciencon sur la vojon, kiun ĝi ne ĉiam sekvis.

La familia reciproka helpo estas vivkondiĉo de ĉia supera besta raso. Ĉe ĉiuj mambestoj la novnaskito rapide pereus sen la helpo patrina.

La reciproka helpo savis la rason de preskaŭ ĉiuj herbmanĝemaj mambestoj, kiuj estas la plej multaj sur la terglobo. La antilopoj, la ĉevaloj kaj la bubaloj socie vivantaj starigas gardantojn, kiuj avertas ilin pri la danĝero, kiam ili paŝtas; en la forkuro ili sekvas spertan virseksulon. Oni ankoraŭ trovas amasojn de gazeloj en la ebenaĵoj de Afriko; la leono kun la akraj dentoj kaj ungegoj estas malaperanta, ĉar ĝi vivas izole. Kiam sur la stepo malsatas la lupoj, ili ariĝas por ataki aliajn bestojn. Ili manĝas tiujn el sia raso, kiuj pereas, sed neniam atakas unu la alian. En la lagoj, la fiŝetoj are naĝantaj ŝuldas nur al senkonscia reciproka helpado la savon de sia raso minacata de la manĝemo de l' pli grandaj fiŝoj. Kiam la unua vico de la aro estas alarmita, ĝi iafoje pereas, sed la aliaj estas avertitaj kaj fornaĝas laŭ alia direkto. Eĉ elementaj estaĵoj sin reciproke helpas. Ĉu oni ne vidas, ke agoj nekapablaj vivi en seka medio simbioze unuiĝas kun fungo senigita je klorofilo kaj formas la fortikan likenon de l' arboj? La unuiĝo de iliaj malfortoj savis ilian rason.

La homo, fine, povis pretervivi la epokon de la kavernoj nur dank' al sia socia instinkto. Ĝiaj membroj kaj sentoj, sufiĉe obtuzaj, estas malbone adaptitaj al la batalado kaj al la forkuro antaŭ la rabobestoj. La interhomaj bataloj, la antropofagio kaj la milito venis nur pli malfrue, je epoko kiam certa grado de civilizeco igis lin pli kapabla regi super la medio kaj permesis al li tiujn fantaziojn, kiuj antaŭe estus fatalaj je lia raso.

VI. *De post la homo, la kondiĉoj de la natura evolucio plene ŝanĝis; la inteligento venis.*

Dum antaŭe centjaroj estis bezonaj por ke per natura elekto iu speco iom progresu, delikatigu siajn sentojn, sian flaron aŭ sian vidon, pligrandigu sian forton aŭ la rapidon de sia kurado, la homo en malmulte da tempo inventis instrumentojn, kiuj al li ĉie donis la unuan vicon: per lorneto li pli bone vidas ol la aglo, la telefono permesas al li aŭdi sonojn, kiujn la elefanto ne perceptas, la aŭtomobilo igas lian kuradon pli rapida ol tiu de la plej bona ĉevalo, per bona pafilo li kvazaŭ ludante mortigas la tigron kaj la panteron.

Por li la batalado kontraŭ la aliaj bestospecoj videblaj je nuda okulo fariĝis kvazaŭ sporto. Dank' al nia solidareco, tamen tiel neperfekta, kiu ĝeneraligas la akirojn de la scienco, nia speco ne plu timas esti manĝata de la sovaĝaj bestoj, ĝi en la naturo prenas kie ĝi volas, ĝi ne havas kalkulindan konkuranton. Ĝi sola ĝuas je tiu certeco; tial la reguloj, kiuj direktas la evolucion de la aliaj, ne plu ĉiam taŭgas al ĝi. Ĝi ne plu bezonas sin adapti al la perforta batalado, ĝi ne plu bezonas sin adapti al la forkurado.

La estonto de la homo estas en lia adapto al la batalado

kontraŭ lia lasta vivanta malamiko, la patogena mikrobo, kaj en la pli plena regado super la materio kaj la energio. Tiu batalado estos venka, se li fortigos sian korpon per la sendanĝera atletismo, la higieno, kaj precipe se li kreskigos sian interhelpeman instinkton en vere organizita kooperado de ĉiuj al pli perfekta kaj pli perfekte aplikita scienco laŭ la principo: „fari la plej multe en la malplej multe da tempo por havi kiel eble plej multe da libera tempo".

*Resume, la interhoma milito ne estas konforma al la natura leĝo. La universala batalado, kiu determinas la evolucion, estas batalado kontraŭ la medio, la natura leĝo estas la reciproka helpado. Antaŭ pli forta malamiko la natura leĝo estas la forkuro aŭ la kaŝo.*

Tio estas scienco, ne moralo. Sed la moralo ne peku kontraŭ la instruoj de la scienco, se ne ĝi estas la moralo de la memmortigo. Aliparte, la scienco ne sole povas determini la agadon. La granda motoro estas la sento farita el pli-malpli noblaj instinktoj. La instinkto naskiĝas el la centjaraj kutimoj de la praulój. Ju pli malnova estas la kutimo, des pli forta estas la instinkto; tiaj estas la nutra apetito kaj la seksa instinkto, kiuj venas de la unuaj ŝtupoj de l' evolucio. La milita instinkto estas ŝuldata al kutimo relative pli freŝa, multe pli freŝa ol siaj du antagonistoj, la instinkto de memkonservado kaj tiu de la respekto al la vivo de la similuloj; ĉe la pli multo de la homoj ĝi estas superregata de ili. La popolamasoj prenis la armilojn en 1914, ekzemple, nur aŭtomate, kontraŭvole aŭ pro nescio; ili tiam kredis je facila venko, kaj ĉe multaj triumfis la malnova instinkto de rabo. Sed de longe, la instinkto de memkonservo, la instinkto de reciproka helpado kaj la pli freŝa instinkto de l' komfortbezono regas denove ĉe la soldatoj. Retoj de instinktoj kaj devigoj puŝas ilin laŭ tia aŭ alia direkto, sed la primitiva natura instinkto estas kontraŭ la milito kaj fine mortigos ĝin antaŭ ol la morala progreso de la homaro anstataŭis la individuan egoismon per la perfekta reciproka helpado nobligita en la amo al la proksimulo.

Sufiĉos, ke la popolamasoj, kiuj spertis la militon, lasu sian instinkton paroli kaj estu liberaj tion fari; ili falos en la brakojn de tiuj, kiuj ne plu volas amasbuĉadon, ĉar ili estas sentemaj kaj prudentaj.

*D-ro Jeanneret-Minkine.*
Trad.: *A. R.*

## Edukado de la luantoj

Eĉ sufiĉa konstruo de sanaj malkaraj loĝejoj en la grandurboj kaj ĝardenurboj ne multe utilus, se ne estas plenumata la kondiĉo, ke la luprenantoj scias zorge uzi tiujn bonajn loĝejojn. Estas klare, ke eĉ la plej bonaj loĝejoj povas baldaŭ fariĝi nesanaj kaj malbelaj per senpripensa malordo kaj senzorga traktado. Estas tial necesege eduki la luprenantojn al pureco, higieno, akurateco, k. t. p., kaj ĉiel ilin prikonsili. Per la loĝejo ili estu edukataj por la loĝejo. Kiel pruvo, ke tio estas bone farebla, se oni saĝe kaj energie procedas, mi priskribos du modelajn ekzemplojn: la sistemon de la fama, mortinta en 1912, Londona reformistino de la malriĉulaj loĝejoj, Oktavia Hill, kaj la Romajn „bene stabili".

I

Oni scias, ke ĝis antaŭ mallonge la popolaj loĝejoj en Londono estis plej malbonaj. Mizeraj dometoj kun proporcie altaj prezoj estis la regulo, el kiu sekvis timiga superloĝateco de la malriĉaj kvartaloj. Tie komencis jam en 1864 kiel unua reformistino Miss Hill, instigante la faman artverkiston John Ruskin doni al ŝi la monon por akiro de tri provaj domoj. En unu el la plej malpuraj vojoj de l' kvartalo Marylebone, ŝi ekagis tiel sukcese, ke post kelkaj jaroj alvenis al ŝi de diversaj bonfarantoj grandaj monsumoj por la disvolvigo de ŝia sistemo, tiel ke ŝi povis konstrui en la plej misfamaj partoj de Londono novajn domojn kaj akiri malnovajn por rebonigo.

De la komenco ŝi alcelis la edukadon de la mizeraj luantoj, kiujn ŝi akceptis. Kiu ne povis kutimiĝi je akurata pago, aŭ kiu vivis nemorale, devis foriri. La luprezoj estis ekstreme moderaj kaj al neniu partio oni donis loĝejon pli malgrandan ol estis rilate al la nombro de la familianoj necesa laŭ la postuloj de higieno. Ĉiam estis aplikata la principo, ne akcepti subluantojn. Komence la loĝantoj kredis superflue okupi pli ol unu ĉambron; iom post iom oni sukcesis ilin konvinki pri la neceso de pura aero, kaj ili luis duan, aŭ, se la monrimedoj permesis, eĉ trian ĉambron. Por ilin instigi, la dua kaj tria ĉambro estis kompare pli malkaraj

En sia tiel interesa kiel instrua libro: „Work among the London Poor", Oktavia Hill skribis: „Mia ĉefa tendenco estas veki ĉe la malriĉuloj la ecojn, kiuj al ili plej ofte mankas: la memestimon, la puremon kaj ordemon, la energion kaj la diligenton. Tion mi atingas apogante je severa plenumo de la devoj kaj preciza pago de la luprezo kiel per tio, ke en la tagoj de mizero, mi havigas al miaj protektatoj laboron anstataŭ ilin malnobligi per almozo. Ĉiu homo aranĝu sian vivon laŭ sia bontrovo, ĉar en certaj rilatoj li ja havas pli precizan juĝon pri tio ol ni aliaj, li ja estas trasuferinta kaj trabatalinta tion, kion ni nur vidis. Sed nia tasko estas enspiri al li la spiriton, kiu lin instruas memstare pensi kaj juĝi."

Komence multe da kuraĝo estis necesa por havigi la lupagon ĉe tiuj krudaj loĝantoj; la nova mastrino spertis ne malmulte pri malĝentileco kaj malfido, ankaŭ akraj insultoj ne mankis. Sed Miss Hill havis la ĝustajn kontraŭrimedojn: homanon, konon de la popolo, paciencon, obstinon. Baldaŭ la loĝantoj konvinkiĝis pri la seriozo de ŝiaj promesoj, ĉar efektive ŝi igis ripari la ŝtopitajn akvotubojn, aranĝi praktikajn lavejojn kaj banĉambrojn, kaj forigi la grandegajn sterkamasojn, kiuj pestigis la aeron. Malgraŭ ĉiuj malagrablajoj ŝi ne laciĝis enkasigi persone la lupagon ĉiun lundon vespere, neniam ŝi enmiksis sin en privatajn aferojn, sed ĉiam estis afablege preta akcepti plendojn, plenumi dezirojn, doni petitajn konsilojn kaj oferi monon, kiam tio estis necesa, por helpi ŝiajn protektatojn. Tiel fine la loĝantoj plene fidis al ŝi kaj poste ankaŭ al la granda stabo de bonvolaj helpantinoj, kiujn ŝi bezonis pro la kreskanta nombro de la sub ŝia direkto kaj laŭ ŝia spirito administrataj domoj. Ŝi mortis en 1912.

Ŝi ne lasis du ebriulojn unu flanke de la alia, nek moralan flanke de malmorala persono, por ke la malvirto ne disvastiĝu. Multe ŝi atentis pri regula lernejvizitado de la infanoj. La junulinoj devis purigi dufoje semajne la ŝtuparojn kaj koridorojn, por kio ili estis bone pagitaj. Tiun lernitan puremon ili transplantis en la internon de la domoj, kaj ne longe daŭris ĝis la parencoj hontis malsuperi je la infanoj. Cetere estis la ĉefa principo de Miss Hill plibonigi samtempe luantojn kaj loĝejon. Kompreneble por tio estas necesaj multe da pacienco, oferema intereso, bona ekzemplo kaj fera volo. Antaŭ ĉio la personoj devas esti kondukataj al la memhelpo, kies bazo estas la memestimo. La laŭdinda virino sukcesis, ke en multaj jaroj ŝi devis nur malofte helpi per monoferoj. „Multe pli facile estas helpi", ŝi skribas, „ol posedi la energion, vidante suferojn, ne alhelpi kun almozoj." En okazoj de bezono ŝi klopodis havigi laboron. Tial ŝi ankaŭ prokrastis la neurĝajn riparojn de la domoj

ĝis la „morta" sezono de l' jaro, dum kiu multaj el ŝiaj luantoj ne havis laboron. Kvankam tiuj estas kutime ne metiistoj, ili tamen povas fari multajn riparlaborojn, per kiuj oni pagas ilin. Al la gejunuloj, kiuj montriĝis zorgemaj kaj lertaj, oni havigas oficon. Ne malmultaj laboristoj, kiuj siatempe apenaŭ sukcesis pengajni la pagon por unu sola ĉambreto en malnova domo de Miss Hill, posedas hodiaŭ sur la kamparo tutan dometon, dank' al sia estinta mastrino.

Por havigi la necesan distron al siaj domanoj, Miss Hill konstruigis jam antaŭ jardekoj grandan klubsalonon. Ĉiusemajne ŝi okazigis laborkunvenon multe vizitatan de „ŝiaj virinoj kaj junulinoj". Ĉiusabate estas tie helpantino, kiu akceptas por administrado la ŝparitaĵojn de la luantoj kaj disdonas afablajn vortojn de kuraĝigo kaj admono. Por la infanoj Miss Hill konstruigis grandan ludejon kaj plie zorgis per ekskursoj kaj diversaj festetoj por ilia bonfarto.

II

La bone sukcesinta por Italujo epokfaranta entrepreno „Bene Stabili" en Romo, tiu modela provo de racia eduko de loĝantoj, estas kreo de la konata inĝeniero Talamo. Ĝi ankaŭ sin distingas per tio, ke malgraŭ sia eksterordinara utileco, ĝi malŝatas sin ornami per la pretendo al filantropio. Ĝi laboras kiel komerca entrepreno kaj Talamo, la direktanto, samtempe reprezentas la asociulojn. Tiuj deziras eltiri el sia kapitalo iun, kvankam malgrandan, intereson, kaj ilia sukceso pruvas denove, kio jam tiel ofte montriĝis en aliaj landoj, ke humana celado tute ne estas malkunigebla kun bone komprenataj komercaj interesoj — vero, kiun la reformistoj de loĝejoj ĉie malsukcese ripetas kiam ili klopodas varbi riĉulojn por la konstruado de komunutilaj laboristaj dometoj.

La „Bene Stabili" ŝuldas sian naskiĝon al financa krizo, kiu metis la Bankon de Romo, tute kontraŭvole, en la posedon de multaj domoj, je kiuj ĝi havis hipotekojn. Okaze de sekvintaj devigaj vendoj la „Bene Stabili" akiris je malalta prezo multajn el tiuj domoj por ilin ripari aŭ rekonstrui. Tiuj lastaj havis apenaŭ tridek jarojn, sed tamen jam troviĝis en malbonega stato, ĉar pro la malriĉeco de la luantoj kaj la nesufiĉa gajno el la investita kapitalo, la posedantoj ne nur rifuzis ĉiujn plibonigojn, sed eĉ ne okupis sin pri la plej necesaj riparoj. La domoj, en kiuj de la komenco mankis sufiĉaj higienaj instaloj, estis plie difektitaj pro la tre disvastigata kutimo sublui ĉambrojn aŭ eĉ izolajn litojn, sistemo, kiu en ĉiuj landoj kaŭzas superloĝatecon de tiaj domoj. Tio okazis en la kvartalo S. Lorenzo kun ĝiaj loĝaj kondiĉoj kaj la manko de ĝardenoj aŭ eĉ nur arboj.

En tiuj Romaj „slums" la „Bene Stabili" plenumis sukcesan renovigan laboron. Ĉi tie ne estis ebla, kiel en aliaj urbopartoj, rekonstrui la domojn. Tie, kiel dirite, ĉio devis esti detruita kaj nove konstruita — modernaj, sanaj, puraj, al la bezono de multinfanlaboristoj adaptataj domoj. La entrepreno jam tiel progresis, ke proksimume kvincent familioj estas loĝitaj. Neniu malbona ŝparo. Neniu ĉambro estas loĝata de pli ol du personoj. Por la aliro de aero kaj sunlumo, ĉio estas antaŭvidita ne nur per praktika situacio de la domoj, sed ankaŭ per larĝaj loĝioj kaj aerkondukoj en la muroj.

La tuta domaro formas grandegan duoblan ortangulon kun vasta korto beligita per arboj kaj floroj. En la mezo de tiu grupo staras konstruaĵo, kiu kvazaŭ reprezentas la cerbon de la tuta instalo. En sia tuto ĝi estas novaĵo, kvankam diversajn karakterizaĵojn mi jam vidis efektivigitaj en la „Guinness Trust" kaj en la Viena imperiestra ekspozicio.

Sur la teretaĝo troviĝas la loĝejo de l' pordisto, loko por bicikletoj kaj infanveturiloj, restejo kaj legejo por la luantoj, kaj kelkaj loĝejoj. La ceteraj loĝejoj troviĝas ĉe la superaj etaĝoj. Ĉiu apartamento, sendiference ĉu kun unu, du aŭ tri ĉambroj, enhavas helan kuirejon kaj necesejon. La luprezoj estas moderaj: 20 ĝis 48 Liroj monate, kun senpaga uzado de ĉiuj bonfaraj instaloj. La tuta apartamentaro konsistas el du partoj, el kiuj ĉiu havas du ŝtuparojn. Sur la muroj de l' ŝtuparoj estas pentritaj mallongaj kaj trafaj sentencoj, por ke ili engravuriĝu en la memoron de la domanoj. Ili devas memorigi al la granda intereso, kiun havas la luantoj, bone zorgi siajn apartamentojn kaj daŭre resti en ili.

Multaj aliaj aranĝoj estas uzataj de Talamo, por ke lia popolo vivu komforte. Krom la salono kaj la legejo en la ĉefa domo de mi jam menciita, troviĝas tie kuracistaj ĉambroj kun instrumentoj, apoteko kaj desinfektiloj; ĉiutage kuracisto estas plurajn horojn je la dispono de la domanoj, se necese li ankaŭ vizitas la enlitiĝintojn en iliaj apartamentoj. Por infektitoj ekzistas aparta ĉambro. En granda, hela, hejtebla salono staras dekduo da elektre movigataj kudromaŝinoj, metitaj je la dispono de la loĝantinoj. Unu el la plej feliĉaj instaloj estas la „case dei bambini". Ĉiu el ambaŭ grupoj havas sian specialan infanan dometon. Ĝi konsistas el hela salono kun tabloj kaj seĝetoj facile moveblaj de la infanoj. Pentraĵoj ornamas la murojn, kaj multaj plej diversaj objektoj estas al la dispono de la infanoj por ludi kaj eksperimenti kun ili. La edukado de la sentoj tie ludas grandan rolon; eĉ la legado kaj skribado estas instruataj sur la bazo de sistema evoluo de la palpsento kaj de la muskolagado. Flanke de l' salono estas ĝardeno, prizorgata de la infanoj. Plie ekzistas ĉambro por la kuracisto kaj speciala vestejo, en kiu la infano trovas ĉiumatene sian lokon ornamita per floro aŭ per sentenco. Ekzercoj baldaŭ instruas la infanon sin vesti senhelpe.

Tiu modela aranĝo — miksaĵo de infangardejo, infanĝardeno kaj popola lernejo — ebligas al la parencoj sin plene dediĉi al la profesia laboro. Plia profito estas, ke la instruistino, kiu loĝas en la domo mem, ĉiam povas konsili la luantojn pri infana eduko.

Por instigi la bonvolon kaj puremon de la domanoj, S-ro Talamo disdonas grandan nombron da premioj por la ornamo de la loĝejoj per floroj, por la prizorgo de la muroj kiel ankaŭ por la virinoj, kiuj sindoneme helpis la estrinon de la „casa dei bambini". De kelkaj jaroj la disdonado de la premioj fariĝas okaze de festo de la loĝantoj, je kiu ankaŭ partoprenas la najbaroj de la kvartalo. La premioj estas allogaj; kelkaj eĉ konsistas en la liberigo de monata lupago.

* * *

Dezirinde estas, ke la instruoj de Miss Hill kaj de Talamo estu ĉie sekvataj. Tiam malaperos la loĝa mizero de la grandurba laboristaro. La du ekzemploj klare montras, en kiu humana spirito devas esti plenumata la reformo de la popolaj loĝejoj.

*Leopold Katscher.*
Trad.: *Ed. St.*

---

# La unua kongreso de la Laponoj

Antaŭ kelka tempo okazis en la malproksima nordo historia fariĝo. Tuta popolo vekiĝis el miljara dormo, kaj komencas kulturi siajn spiritajn kapablojn: La Laponoj havis sian unuan delegitaron en Dronthejm, Norvegujo.

Oni atendis nur ĉirkaŭ cent Laponojn; ĉe la malfermo de la kunveno ilia nombro estis preskaŭ triobla. Ĉeestis Laponoj el Tromsö kaj el Finnmarken en siaj brilaj hele-

bluaj kostumoj, kun ruĝaj kaj flavaj strioj, kun pantalonoj el feloj de nordaj cervoj kaj kun grandegaj kvarangulaj ĉapoj; venis la Laponoj el Nordlando vestitaj per feloj kun arĝentaj ornamoj; la Laponoj el Helgeland kun ilia ĉefino Elsa Renberg; la Röroslaponoj kun ilia ĉefo Daniel Mortensen kiel parolanto, kaj plue la svedaj Laponoj el la distriktoj Aseles kaj Vilhelmina, sed ankaŭ el Jämtland kaj Härjedalen. Ĉeestis la ĉefo de la Vilhelmina-Laponoj, Anders Vik, kaj la Laponino Maria Mikaelson, malgranda, aminda lapona belulino en sia ĉarma robo el nordcerva felo kaj la ruĝa „Tjoppon" sur sia blonda haro. Venis ankaŭ Torhal Tomasson, la unua lapona studento, kaj Liljestrand, la misiisto de la Laponoj. La Laponoj estis sendintaj siajn eminentulojn al tiu kunveno. Ili evidente estis komprenintaj, ke tiu ĉi delegitaro fariĝos epoko en la historio de la lapona popolo. Sed ankaŭ svedaj kaj norvegaj aŭtoritatuloj ĉeestis, inter aliaj la episkopo de Drontheim, la inspektoroj de la nordaj cervoj por la Laponaj distriktoj de Norvegujo, la prefektoj de la kvar laponaj distriktoj de Norvegujo, la sveda inspektoro de la nomadoj k. a.

Estis ne nur regna kunveno de la Laponoj, sed ankoraŭ io pli grava. La Laponoj de la du regnoj de la skandinava duoninsulo tie kunvenis; ili estas nek Svedoj, nek Norvegoj, ili formas apartan popolon. La pionirino inter la Laponoj, Elsa Renberg, laponlingve Elsa Laŭla, estis iniciatinta la movadon. Ŝi malfermis la kunvenon per alparolo, en kiu ŝi akcentis la neceson por la Laponoj, sin unuigi por prigardi siajn interesojn. Poste lapona prefekto Mortensen faris paroladon pri la grava demando de la Laponoj, la demando pri la paŝtejoj por la nordaj cervoj. Laŭ la nunaj leĝoj la Laponoj estas devigataj paŝti la cervojn je kelka distanco de la vilaĝoj. Se ili ne kapablas tion fari, ili ofte devas pagi gravan monan kompenson, kaj kelkafoje la malriĉa Lapono pro tio ruiniĝas. Tamen la Laponoj esprimis sian firman decidon, ne ĉesigi la nomadan vivon. Ili tiel bone flegos siajn cervojn, ke la norvega ŝtato konvinkiĝos, ke la kulturado de la nordaj cervoj havas por la tuta regno ekonomian gravecon. Li kortuŝe priskribis la iaman situacion. Tiam ne ekzistis limoj inter Svedujo kaj Norvegujo. La Laponoj povis kunveni sur la montaro, kaj se kelkfoje okazis, ke svedaj cervoj kunmiksiĝis kun norvegaj brutaroj, oni nur sendis sciigon al la sveda najbaro: „Ĵus kunmiksiĝis viaj cervoj kun miaj, ni faru ke ili disiĝu," kaj same fariĝis, kiam norvegaj cervoj devojiĝinte venis sur svedan teritorion. Tio ĉi fariĝis sen malamikeco, disputoj kaj kompensoj. Tiel, diris la Lapono, povus okazi ankaŭ nuntempe. En la diskuto la plimulto el la oratoroj laŭdis la „bonan malnovan tempon" kaj mallaŭdis la estanton. Poste venis parolado de la inspektoro pri la historio de la Laponoj kaj de la norda cervo. La oratoro montris, ke la Laponoj ludis rolon ne malgravan en la ekstera politiko de Norvegujo. Proporcie al la malgranda nombro de la laponaj enloĝantoj, ne estas alia popolelemento, kiu kaŭzis al la registaro tiom da interna kaj ekstera politika laboro, kiel la Laponoj. La parolanto opiniis kiel kelkaj instruituloj, ke la Laponoj nur en relative malfrua tempo loĝatigis la skandinavan duoninsulon. Oni povas ilin konsideri kiel uzurpintan popolon, ne kiel repelitan, kiel oni asertis antaŭe." (Protesto de la Laponoj.) La oratoro daŭrigis: „Laŭ la lastaj statistikaj informoj ekzistas entute ĉirkaŭ 30,000 Laponoj, el kiuj 20,000 loĝas en Norvegujo, 7000 en Svedujo kaj 3000 en Finlando kaj Rusujo. En Norvegujo ekzistas jam hodiaŭ regionoj enloĝataj nur de Laponoj, precipe la komunumoj Kantokejno, Karasjok kaj Polmak en Finnmarko, sed ankaŭ en Tromsö la lapona loĝantaro nombre superas. Ili estas proksimume 60 % de la loĝantaro, la sidaj kaj la nomadoj Laponoj inkluzive. Konsiderante nur la nomadajn, laŭ la oficiala statistiko de 1910, oni kalkulas 1258 Laponojn.

Kvankam la nomadaj Laponoj estas pli malnombraj, ili tamen nin ĉefe interesas. En sia fako la Laponoj estas tre progresintaj. Nome por la kulturado de la cervoj estas necesaj ne nur akiritaj, sed ankaŭ hereditaj konoj, bazantaj sur longaj spertoj. Certe estas nun uzataj por la kulturado de la cervoj vastaj terajoj, kiuj pli bone estus utiligataj por agrikulturo aŭ ordinara brutkulturo. Malgraŭ la jaraj translokiĝoj, la vivo de la montaraj Laponoj estas sufiĉe regula. Kutime la sama familio ĉiujare vizitas la samajn regionojn, tiel dum la somero kiel dum la vintro. Sed la plimultiĝo de la cervoj kaj aliaj cirkonstancoj devigas la Laponojn viziti novajn regionojn, kaj, ĉar la regionoj ne estas tre vastaj, okazas kunpuŝiĝoj kaj premo al la najbaroj, kaj tiamaniere fariĝas ŝovo de okcidento al oriento, kiel oni povas ĝin observi precipe en Finnmarko. En la distrikto Finnmarken estas 100,650 nordaj cervoj, en la Nordlanda 18,109, en Tromsö 1990 kaj en la distrikto Tröndelagen 11,413. La tuta nombro de ili en Norvegujo atingas proksimume 150,000. En Svedujo troviĝas ĉirkaŭ 300,000, kvankam la nombro de la svedaj Laponoj estas nur la triono de la norvegaj.

Post tiu parolado komencis inter la Laponoj amuza diskutado iniciatita de S-ino Elsa Renberg. Poste unu el la inspektoroj, norvega ŝtatoficisto, faris paroladon, en kiu li asertis, ke la unua parolantino ne konis la faktojn. Sed oni respondis al li, ke ĝuste li, ke ĝuste la kleruloj, la oficistoj tute ne komprenas la vivon kaj agadon de la Laponoj. Lapono diris: „Nun ci venas (La Laponoj alparolas ĉiujn per „ci"), mensogas, babilas, troigas, kaj poste ci diras, ke ni Laponoj mensogas. Ne, ci mensogas." Tiu ĉi senkompata kritiko de la „aŭtoritato" efikis kiel eksplodo. Alia plendis: „Jen venas la scienco kaj diras: „Ci ne devus esti ĉi tie, ci alvenis el Siberio kiel entrudulo, tuj foriru", kaj ne estus al ni permesite ion kontraŭdiri. „Se la sidhavanto per tradicio akiras la rajton, kial la Laponoj ĝin ne havus! Ni devas surgenue peti la permeson vivi, rajton ekzisti ni ne havas!" Oni povis vidi larmojn en la okuloj de la Laponoj, kaj estis vere kortuŝe aŭdi tiun plendon de la Laponoj.

Post fermo de la diskutado, kiu daŭris du tagojn, diversaj decidoj estis alprenataj pri reguligo de la paŝtejoj por la cervoj, kaj de la limoj inter Svedujo kaj Norvegujo, tiel ke estos de nun al la norvegaj Laponoj permesite suriri la svedajn distriktojn kaj al la svedaj la norvegajn. Koncerne la lernejan demandon, oni esprimis la deziron, ke malaperu la tiel diritaj misiistaj lernejoj, kaj ke la ŝtato prenu la instruon sur sin, konsiderante la diversajn cirkonstancojn en la nordaj kaj sudaj laponaj distriktoj. La Laponoj postulas instruon en lapona lingvo per laponaj instruantoj, kiuj estu subordigataj sub laponaj inspektoroj.

*A. C.*

---

## Konferenco de la neŭtralaj Ruĝaj-Krucoj

La 11—14 septembro 1917, konferenco de la neŭtralaj Ruĝ-Krucaj organizaĵoj kunvenis en Ĝenevo sub la prezido de la internacia komitato, por ekzameni la enkondukeblajn plibonigojn rilate al la vivkondiĉoj de la militkaptitoj, civilinternigitoj aŭ civilforkondukitoj kaj de la loĝantoj de okupataj landoj.

La konferenco konsistis el membroj de la internacia komitato kaj el delegitoj de la R. K. de Danujo, Hispanujo, Nederlando, Norvegujo, Svedujo kaj Svisujo.

Ĝi alprenis la jenajn deziresprimojn, sendotajn al la R. K. kaj registaroj:

*Vizito de la kaptitejoj*

La konferenco petas, ke ĉie kie la R. K. societoj de la neŭtralaj Ŝtatoj ne povas efike kontroli la staton de la militkaptitoj kaj ilin viziti sen limigo, la neŭtralaj registaroj reprezentantaj militantajn ŝtatojn havu sufiĉan nombron de delegitoj libere elektitaj de siaj registaroj kaj ekskluzive komisiitaj je la interesoj de la kaptitoj. Al tiuj delegitoj, prefere kuracistoj, estu permesite viziti la kaptitojn, en ĉiuj lokoj, kie ili troviĝas, speciale en la tendaroj, laborejoj kaj en la zono de la armeoj. En tiu rilato la reciprokeco inter la militantoj estu plena. La kaptitoj povu libere paroli kun la delegitoj en sia nacia lingvo kaj transdoni al ili siajn plendojn. La delegitoj mem faru la necesajn esplorojn kaj vizitojn. La konferenco esprimas la deziron, ke la vizitoj de la kuracistaj komisionoj elektantaj la kandidatojn por la rehejmigo aŭ la internigo estu pli oftaj ol ĝis nun kaj kiel eble plej ofte ripetiĝu.

*Revenĝoj*

La konferenco petas de la registaroj, ke ili rezignu je la revenĝoj je militkaptitoj aŭ, almenaŭ, ilin decidu nur kvar semajnojn post komuniko al la interesata registaro, konforme al la Haga interkonsento de la 2 julio 1917 inter la germana kaj brita registaroj. Tiun tempolimon uzu neŭtrala komisiono por kontroligi la motivojn de la decido.

*Nutrado de la militkaptitoj*

La konferenco de la neŭtralaj R. K. komisias la internacian komitaton alsendi insistan alvokon al la usona R. K. tiel, ke ĝi sendu nutraĵojn por la militkaptitoj de la Entente-ŝtatoj. Tiuj nutraĵoj estus elŝipigotaj ĉe haveno difinota laŭ la cirkonstancoj, kaj de tie, sub la kontrolo de la neŭtralaj R. K., veturigataj al la regionoj, kie la nutrado de la kaptitoj estas nesufiĉa.

La neŭtralaj R. K. esprimas la deziron, ke:

Al la ŝtatoj kaj helpkomitatoj estu permesate sendi al iliaj kaptitoj nutraĵojn per plenaj kaj plumbosigelitaj vagonaroj, kiel tio okazis en diversaj landoj.

Estu kreata en la centraj lokoj tenejoj de faruno, vestaĵoj kaj medikamentoj sub la kontrolo de delegitoj de la neŭtralaj R. K.

La disdono de nutraĵoj kaj ĉiuspecaj helpaĵoj estu plenumata de delegitoj de la neŭtralaj R. K.

La agado de la R. K. neniel devas malpligrandigi la prirespondojn kaj devojn truditajn de la Haga Konvencio al la militantaj registaroj por la nutrado de la kaptitoj.

*Rehejmigo*

La konferenco sendas al la registaroj de la militantaj ŝtatoj insistan alvokon por ke ili kiel eble plej multe rehejmigu la validulojn jam de longe kaptitajn, kondiĉe ke ili ne estu resendataj al la fronto. La interŝanĝo laŭ kategorioj estu preferata je la interŝanĝo po homoj.

*Civiluloj*

La konferenco insiste petas de la R. K., ke ili klopodu ĉe siaj registaroj por la plibonigo de la sorto de l' civiluloj. Ĝi aparte esprimas la jenajn dezirojn:

Civil-internigitoj: Ilia rehejmigo okazu kiel eble plej baldaŭ. Se tio ne estas ebla, oni apliku al ili, laŭ la cirkonstancoj, unu aŭ la alian el la jenaj reguloj:

La asimiligo de la civil-internigitoj al la militkaptitoj rilate al la rajtoj fiksitaj de la Haga konvencio, speciale pri la korespondo kaj la akcepto de la monaj aŭ objektaj helpaĵoj.

Por la internigitoj ne rehejmigeblaj antaŭ la vintro, la starigo de higienaj kaj vastaj instaloj kaj la forlaso de la malgrandaj kaptitejoj, malbone instalitaj kaj malbone administrataj.

La plivastigo de la kategorioj de malsanoj ebligantaj la rehejmigon aŭ la internigon.

La severa observo de la interkonsento inter Germanujo unuparte, Francujo, Britujo kaj Rusujo aliparte, ne laborigi kontraŭvole la civil-internigitojn, escepte se temas pri laboroj necesaj je la prizorgo de la kaptitejo.

Al la nesuspektataj civiluloj de longe loĝantaj en la lando, permesi denove ilian antaŭan okupon, sub simpla polickontrolo, anstataŭ internigi ilin.

Neenkarcerigi la tiel nomatajn „politikajn“ civilkaptitojn, escepte tiuj, kiuj estas enkarcerigitaj pro gravaj deliktoj, kaj internigi ilin en neŭtralaj landoj.

*Forkondukitoj:* Krom ĉe necesegaj okazoj, limigi nur al la militkapablaj viroj la forkondukon de la loĝantoj de okupitaj landoj. La listoj de forkondukitoj estu transdonataj al la malamiko, kaj tiuj civiluloj ĝuu la rajtojn de la aliaj kaptitoj rilate al la korespondo kaj ricevo de helpaĵoj. Ili estu rehejmigataj tuj kiam permesas la cirkonstancoj.

*Loĝantoj de la okupataj landoj*

Permesi kaj faciligi la korespondon inter tiuj loĝantoj kaj iliaj familioj eksterlande, kiam permesas la postuloj de la cenzuro.

Faciligi en kiel eble plej larĝa proporcio la sendon de monaj kaj objektaj helpaĵoj.

Permesi la foriron al la loĝantoj, kiuj tion petas.

Permesi la viziton de delegitoj de la protektantaj ŝtatoj, de la neŭtralaj R. K. komitatoj aŭ de la internacia komitato, kiel ankaŭ de la neŭtralaj helpkomitatoj en la invaditaj landoj.

* * *

Tiun dokumenton subskribis S-roj Ed. Naville, vicprez. de la Internacia komitato; Philipsen, dana R. K.; E. Mille, hispana R. K.; Verspyck Mynssen, nederlanda R. K.; J. Bull, norvega R. K.; Ernst Didring, sveda R. K.; Bohny, svisa R. K.; E. M. de Torres, privata sekretario kaj speciala delegito de L. M. la reĝo de Hispanujo. Trad.: *A. R.*

# *Al niaj abonantoj*

*La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj, kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj (svisa valoro) per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.*

*Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2. 50 frankoj.*

*La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj kaj ne havas la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.*

*Dum la daŭro de la milito, la abonantoj povas ankaŭ pagi sian reabonon al: S-ro S. Szabunievicz, Bankovskij 2, Moskvo (por* Rusujo*). — S-ro F. Ellersiek, Wissmannstr. 46, Berlin S 59 (por* Germanujo*). — S-ro D-ro Sos, Tuchlauben 18, Wien I (por* Aŭstrio*).*

 LITERATURO 

# Patro Vasilij

Rakonto de **L. Tolstoj**, verkita en 1906

I

Estis aŭtuno. Ankoraŭ ne tagiĝis, kiam, tondrante sur la kotaĵo glaciiĝinta, alveturis ĉaro al la malgranda dutrabaĵa, pajlotegmenta domo de la pastro Vasilij Davidoviĉ. De la ĉaro malsupreniris vilaĝano en kaftano kun levita kolumo kaj kapvestita per ĉapo. Turninte la ĉevalon, li komencis frapi per viptenilo al la fenestro de unu el la trabajoj, en kiu, laŭ lia scio, loĝis la laboristo kaj la kuiristino.

— Kiu venas?

— Mi bezonas la pastron.

— Pro kio?

— Pro malsano.

— El kiu vilaĝo?

— El Vozdrem.

La laboristo eklumigis lanternon, eliris en la vestiblon kaj sur la korton, kaj enirigis la vilaĝanon en la pordegon.

El la ĉambro en vatumita jaketo kun tuko sur la kapo, piedvestita per feltbotoj, eniris la pastredzino, dika, malgrandkreska virino, kaj ekparolis per kolera, raŭka voĉo:

— Kiun ankoraŭ la diablo alvenigis?

— Vilaĝano vokas la pastron.

— Kial vi dormas tiom longe? Vi ankoraŭ ne komencis hejti la fornon.

— Ĉu estas jam la tempo?

— Mi ne dirus, se ne estus la tempo.

La vilaĝano el Vozdrem eniris en la servistejon, faris krucosignon antaŭ la ikonaro, salutis la pastredzinon kaj sidiĝis ĉe la pordo sur benko. Lia edzino, post longaj turmentoj de akuŝado, naskis mortan infanon, kaj nun ŝi mem estis mortanta.

La vilaĝano sidis kaj, rigardante al tio, kio fariĝas en la kuirejo, pensis, kiel li veturigos la pastron: rekte aŭ tra Kosve, tra kiu li estis veninta, aŭ ĉirkaŭveture. La vojo apud la vilaĝo Kosve estas tre malbona. La rivereto glaciiĝis, sed ne eltenas. „Apenaŭ mi eliĝis el tie."

Eniris la laboristo, kaj deĵetinte faskon de betula ligno sur la plankon ĉe la forno, li petis la vilaĝanon splitigi sekan ŝtipon. La vilaĝano demetis sian pelton kaj komencis labori.

La pastro vekiĝis kiel ĉiam, gaja kaj vigla; ankoraŭ kuŝante en la lito, li faris krucosignon, tralegis sian amatan preĝon „Caro Ĉiela" kaj diris plurfoje: „Sinjoro, kompatu!" Poste, mallevinte la piedojn, li vestis lin, sin lavis, trakombis sian longan hararon, surmetis malnovan sutanon kaj stariĝis antaŭ la ikonoj por preĝi. Legante „Patro nia", ĉe la vortoj „pardonu al ni niajn ŝuldojn, kiel ni pardonas al niaj ŝuldantoj" li haltis kaj rememoris patron diakonon, kiu hieraŭ ebria, renkontinte lin, estis balbutanta tiel, ke li povis aŭdi: „fariseoj, hipokritoj". La vortoj „fariseoj, hipokritoj" precipe ofendis la pastron, ĉar li konsideris sin ema al ĉiuj malvirtoj, nur ne al la hipokriteco. Li estis kolera kontraŭ la diakono. — „Jes, ni pardonas", elparolis li en sia animo: „Dio pardonu al li", kaj daŭrigis preĝi. Ĉe la vortoj: „ne lasu nin fali en la tenton", li ekmemoris, kiel hieraŭ post la vespera Diservo, kiun li estis farinta ĉe riĉa bienulo Molĉanov, al li estis agrable, trinki teon kun rumo.

II

Preĝinte, li rigardis al si mem en speguleto, aliformiganta la vizaĝon, ordigis ambaŭflanken la kombitajn blondajn harojn, ĉirkaŭintaj jam sufiĉe grandan kalvaĵon. Li plezure ekvidis sian vizaĝon larĝan, bonmienan, kun maldensa barbeto, junaspektan, spite siajn kvardek-du jaroj, kaj eliris en saloneton, en kiun lia edzino estis sammomente enportanta kun peno samovaron, el kiu la akvo bolanta minacis superflui.

— Kial ci mem portas? Kial ne Tjokla?

— Kial ci mem, — mokripetis la edzino. Kiu alia farus?

— Pro kio tiom frue?

— Vilaĝano el Vozdrem alveturis por cin voki por malsanulino. Virino mortas.

— Ĉu longe li atendas?

— Kelkan tempon.

— Kial vi min ne vekis?

Patro Vasilij trinkis senlaktan teon — estis vendredo — prenis la hostivazon, surmetis pelton, ĉapon kaj firmapaŝe eliris la vestiblon. La Vozdrema vilaĝano atendadis lin tie.

— Bonfarton, Mitrij, diris patro Vasilij, kaj subtenante la larĝan manikon, li faris krucosignon sur la vilaĝano kaj donis kisi sian malgrandan, ostan manon kun ungoj forte ĉirkaŭtranĉitaj kaj eliris la peronon.

La suno leviĝis, sed, pro malalte pendantaj nuboj, oni ne povis ĝin vidi. La vilaĝano elkortigis la ĉaron kaj prezentis ĝin ĉe la perono. Metinte la piedon sur la radfiksilon de malantaŭa rado, Vasilij Davidoviĉ facile supreniris la ĉaron kaj sidiĝis sur fojnamaseton, envolvitan en stupa tolo. Mitrij sidiĝis apude, ekpelis sian grandventran kaj platorelan ĉevalinon, kaj la ĉaro ektondris sur la glaciiĝinta kotaĵo. En la aero flirtadis neĝeroj.

III

La familio de V. D. Moĵajskij konsistis el lia edzino, ŝia patrino — edzino de la antaŭa pastro — kaj el tri infanoj, du filoj kaj filino. La pli aĝa filo finis la seminarian kurson kaj sin preparadis por studentiĝo; la dua, patrina favorato — la dek-kvinjara Aloŝa — estis ankoraŭ en malsupera eklezia lernejo; la filino, Sonja, deksesjara, restadis hejme, malbone helpante la patrinon, la familia vivo ŝajnis al li peniga. Patro Moĵajskij siatempe lernis en la seminario tiom bone, ke, fininte la kurson en la jaro 1840, li sin preparis por akademio, revis fariĝi profesoro kaj episkopo. Sed lia patrino, vidvino de subdiakono, havanta alian filon — ebriulon — kaj tri filinojn, troviĝis en granda mizero. La decido, farita de li tiam, nerimarkeble ekdirektis lian vivon sur la vojon de sinofero kaj abnegacio. Por ne aflikti la maljunan patrinon, li decidiĝis forlasi la revojn pri akademio kaj fariĝi vilaĝa pastro. Li faris tion pro la amo al sia patrino, sed li mem klarigis al si tiun agon iom alie, li motivis ĝin per sia nediligento kaj malfervoro al la scienco. La pastra ofico troviĝis en malgranda vilaĝo; oni povis ĝin ricevi sub kondiĉo de edziĝo je la filino de la antaŭa pastro. La vilaĝo estis malriĉa, la antaŭa pastro ne lasis grandan havon al sia familio — vidvino kun du filinoj. La filino Annoĉka, sen kies edziniĝo oni ne povis havigi la oficon, estis malbela, sed tre sagaca fraŭlino; ŝi verasence ĉarmis la junulon kaj igis lin senpripense edziĝi je ŝi. Vasilij Moĵajskij edziĝis, fariĝis patro Vasilij, komence kun mallongaj, poste kun longaj haroj, kaj feliĉe travivis kun sia edzino Anna Tiĥonovna dudek-du jarojn; nun, spite mallonga romaneca pasiiĝo de Anna Tiĥonovna je studento, filo de la antaŭa diakono, estis same bona al ŝi kiel antaŭe, kvazaŭ li ankoraŭ pli forte amis ŝin pro la malameto, kiun li estis sentinta al ŝi dum ŝia pasiiĝo je aliulo. Tiu ĉi okazintaĵo estigis en li la saman senton de abnegacio kaj sinforgeso, pro kiu li estis rezigninta je la akademio, kaj donis al li la saman nerimarkeblan internan serenan ĝojon.

IV

Komence la pastro kaj la vilaĝano veturis silente. La vojo apud la vilaĝo estis tiom malebena, ke spite la nerapida veturado, la ĉaro estis skuata de flanko al flanko; la pastro, konstante deĵetata de sia sidejo, penadis residiĝi kaj kuntiri la baskojn de sia pelto.

Nur kiam oni forlasis la vilaĝon kaj, transveturinte limfosaĵon, la vilaĝano ekveturis tra herbejo, la pastro ekparolis: Ĉu tre malbone estas al cia edzino? demandis li.

— Ni ne atendas vidi ŝin vivanta, nevolonte respondis la vilaĝano.

— „Dia povo ne estas en nia movo.“ „Dia volo, diris la pastro. Kion fari? Oni devas elporti la suferon.“

La vilaĝano levis la kapon kaj ekrigardas al la vizaĝo de la pastro. Videble, li volis diri ion koleran, sed, ekvidinte la vizaĝon, al li karese rigardantan, li mildiĝis, ekskuis la kapon kaj diris sole jenon: Vere, ĝi estas la volo de Dio. Sed tre malfacile por mi, mia patro. Sola mi restis. Kiel mi zorgos pri la infanoj?

— Ne perdu kuraĝon, Dio helpos.

La vilaĝano ne respondis; li nur ekinsultis la ĉevalinon, kiu ĉesis troti kaj iradis malrapide; li rapidigis ŝin, tirante la gvidŝnurojn.

Ili enveturis en arbaron, kies vojo, provita ĉiulianke, estis ĉie egale malbona. Longe ili veturis silente, elektante lokojn por pli facila traveturo. Nur kiam oni elveturis sur la vojon meze de denseverdaj aŭtunsemitaĵoj, la pastro ekparolis denove.

— Bona estas la verdaĵo, diris li.

— Sufiĉe, diris la vilaĝano kaj respondis plu nenion je ĉiu provo de la pastro por interparoli.

Je la frua matenmanĝo ili alveturis la korton de la malsanulino.

La virino estis ankoraŭ viva. La doloroj finiĝis, kaj ŝi, ne trovante forton sin turni, kuŝis sur la lito kaj nur per okulmovoj elmontris la eneston de la vivo. Alvokeme ŝi rigardadis al la pastro kaj nur al li. Maljunulino staris apud ŝi. Infanoj estis sur la forno. La plej aĝa, dekjara knabino, vestita sole en ĉemizo, kun kapo sentuka, staradis ĉe la tablo, kvazaŭ plenkreskulino, apoginte sian flankon per dekstra mano, subtenata de la maldekstra, kaj rigardadis la patrinon.

La pastro alpaŝis la malsanulinon, tralegis la preĝojn, komuniis, faris krucosignon sur ŝi kaj preĝis antaŭ la ikonoj. La maljunulino alpaŝis la mortantinon, rigardis al ŝi, balancis la kapon kaj kovris per tolo la vizaĝon de la mortantino. Tuj poste ŝi aliris al la pastro kaj enmanigis moneron. Li sciis, ke ĝi estas kvinkopeka kupra monero, kaj prenis ĝin.

Eniris la dommastro.

— Ĉu ŝi mortis? demandis li.

— Ŝi mortas, diris la maljunulino.

Aŭdinte tion, la knabino ekploregis, ion aldirante. Brue ekploris trivoĉe ankaŭ la infanoj sur la forno.

La vilaĝano faris krucosignon, alpaŝis la edzinon kaj, forlevinte la tolon, ekrigardis ŝin. La sensanga vizaĝo estis kvieta kaj senmova. La vilaĝano staris antaŭ la mortintino ĉirkaŭ du minutoj, poste delikate rekovris la vizaĝon per la tolo, kaj, denove farinte kelkajn krucosignojn, li sin turnis al la pastro, dirante:

— Ĉu vi volas jam forveturi?

— Ni tuj veturu.

— Bone. Mi devas trinkigi la ĉevalinon.

La vilaĝano eliris el la domo.

La maljunulino paroladis ĝemplorante, aludante pri la georfoj sen ilia kara patrinjo — pri tio, ke restus neniu, por ilin nutri kaj vesti: simile al birdidoj, elfalintaj el nesteto, sin sentas infanoj sen la kara patrinjo. Post ĉiu frazo de priplorado, ŝi brue enspiris la aeron, kaj aŭskultante sin mem, ploradis ĉiam pli forte.

Aŭdante tion, la pastro malĝojis, kompatis la infanojn kaj volis fari ion por ili. Li alpalpis sian monsaketon en la sutanpoŝo kaj memoris, ke en la saketo restis arĝenta monero da kvindek kopekoj, ricevita hieraŭ por la vespera Diservo ĉe Molĉanov. Li ne ankoraŭ ĝin fordonis al la edzino, kiel estis lia kutimo, kaj ne pensante pri la sekvoj li elpoŝigis la arĝentan moneron kaj manmontrinte ĝin al la maljunulino, li metis ĝin sur la fenestron.

La mastro eniris sen pelto kaj diris, ke li petis baptanon forveturigi la pastron; li mem iros al la najbaroj, trovi tabulignon por la ĉerko.

V

La baptano de Mitrij, veturiginta la pastron al lia hejmo, estis grandbarba, flavruĝhara, fortika vilaĝano, parolema kaj gaja. Pro la adiaŭo al la filo rekrutigita, li jam drinkis brandon kaj sentis sin en speciale gaja humoro.

— La ĉevalino de Mitjuŝa tute ellaciĝis, diris li. — Kial ne helpi la homon? Oni devas kompati. Ĉu prave mi diras? No,[1] ci, karulo, ekkriis li al bruna kastroĉevaleto kun vosto, solide fleksligita, vipadante ĝin.

— Ne rapidu! diris Vasilij Davidoviĉ, skuata sur la malebena vojo.

— Mi ne rapidos. Ĉu ŝi mortis?

— Jes, ŝi mortis, diris la pastro. La flavruĝharulo sentis kompaton, sed volis ankaŭ ridi.

— La edzinon Dio forprenis, fraŭlinon li donos, diris li, cedante al la voĉo de gajeco.

— Ne, mi kompatas la suferulon, diris la pastro.

— Ĉu oni povas ne kompati? Mizere li vivas. Sola. Li venis al mi kaj diris: forveturigu la pastron, mia ĉevalino ellaciĝis. Mi devis kompati. Ĉu vere mi diras, mia patro?

— Mi vidas, ke ci jam drinkis. Ĉu ne vere? Malprave ci agis tiel, Fjodor. Hodiaŭ estas labortago.

— Ĉu mi drinkis per fremda mono? Mian propran mi elspezis. La filon mi adiaŭis. Pardonu, mia patro, pro Kristo.

— Mi havas nenion pardoni al ci. Mi nur diris, ke estus pli bone ne drinki.

— Certe, pli bone, sed kion fari? Mi ne estas senhava; mi vivas prospere, dank' al Dio. Antaŭ la homoj mi hontus ne regali. Mitrion mi kompatas. Ĉu oni povas ne kompati? Pasintan jaron ankaŭ ĉe li iu forkondukis la kastroĉevalon. Strange kondutas la homoj nuntempe.

Fjodor komencis rakonti longan historion, kiel oni forŝtelis du ĉevalojn dum la foiro: unu oni buĉis por la felo, la alia estis rekaptita de la vilaĝanoj. Ili tiom batis la ŝtelistojn, tiom batis, Plezure rakontadis Fjodor.

— Kial bati, pro kio?

— Ĉu ili meritas karesadon?

Interparolante tiamaniere, oni atingis la hejmon de la pastro.

Vasilij Davidoviĉ esperis ripozi, sed, je lia malfeliĉo, dum lia foresto estis ricevita aferpapero de la pastrodekano kaj letero de la filo. La dekanpapero ne estis grava, sed la letero de la filo okazigis familian disputon; la malpacon pligrandigis la fakto, ke la edzino postulis la monon por la hieraŭ vespera Diservo, kaj la arĝenta monero forestis. La perdo de tiu ĉi monero nur pliigis la koleron de la edzino, sed la ĉefa kaŭzo de la kolero estis la letero de la filo kaj la neeblo, plenumi lian deziron — neeblo, kies kaŭzon la pastredzino vidis en la senzorgemo de sia edzo.

Trad.: *Anna Ŝarapov.*

Tiu ĉi rakonto kredeble estis inspirita per la bildo de rusa pentristo N. Orlov „La Mortantino“. Fototipiaĵo de tiu ĉi bildo ornamas la kovrofolion de la Tolstoja revuo „Edinenie“ (Unueco), N-ro 2, 1916, publikigata en Moskvo. La fototipiaĵo estas akompanata de klariga teksto de Tolstoj: „Jen en senfornotuba kabano sur pajla lito mortanta virino. Vaksa kandeleto estas metita en ŝiajn malvarmiĝantajn manojn. Antaŭ ŝi kun mieno solene humila kaj kvieta staras la edzo. Apud li, vestita sole per ĉemizo, ploras la plej aĝa malgrasa filineto. La avino kvietigas la novnaskiton, kriantan en penda lulilo. Najbarinoj interparolas ĉe la pordo.

Tiu ĉi bildo faras sur min mirindan animaltigan impreson de kortuŝa kompatigo kaj — tio ŝajnus stranga — samtempe de envio al tia sankta malriĉeco kaj la rilato al ĝi, pentrita sur la bildo“ — *Rim. de l' trad.*

[1] Vorteto uzata de la Rusoj por peli la ĉevalojn.

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Karaktero,** laŭ Mr. *J. M. van Stipriaan Luiscius.* 5a plivastigita kaj plibonigita eldono, tradukita laŭ la 10a eldono de la nederlanda originalo. Hago, 1916. J. L. Bruijn. Prezo: fl. 0.25. 32 paĝoj, 19 × 13,5 cm. (Tradukinto ne montrita.)

„Estas malĝoja vero, ke el mil homoj nur cent scias, kio estas karaktero, nur dek havas karakteron kaj nur unu havas bonan karakteron. Tamen karaktero estas pli necesa ol pano, kaj la homoj kun bona karaktero formas la fundamenton de l' socio." Tiujn vortojn, kun kiuj komencas la broŝuro, ni ne citas por ke iu ruzulo elkalkulu la nombron da bonaj karakteroj en UEA (la rezultato ja estus plorinda), sed por montri kiel energie la aŭtoro ekkaptas sian temon. Post tiu frapveko de la kara leganto S-ro Stipriaan montras, kio estas karaktero, kiel oni ĝin formas, kaj el kio ĝi konsistas. Ne malpli ol tridek ecoj, de bonvoleco al persistemo, estas pritraktataj, en mallongaj ĉapitroj tiel lerte verkitaj, ke, sekvante de unu al alia, oni ĉiam pli admiras la kapablon de la aŭtoro klarigi en malmultaj vortoj la esencon de liaj ideoj. La verketo estas malproksima de la kutimaj „popularaj" skribaĵoj; kontraŭe la trafaj, facile kompreneblaj frazoj ŝajnas esti la feliĉa rezultato de profunda meditado. Escepte kelkaj okazaj malbelaĵoj la lingvo estas tre bona. Al grupoj kaj privatuloj, kiuj ŝatas legaĵon seriozan, utilan al ili (kaj en tiu okazo ankaŭ al iliaj amikoj) ni tre rekomendas la malmultekostan broŝuron.

**Geschichte und Theorie des Ido,** de *B. Kotzin.* Mit einem Vorwort von Professor R. Brandt. — Aus dem Esperanto ins Deutsche übertragen von Dr. med. *Wilhelm Winsch* und *Hans Reuss.* — Verlag Ader & Borel, Dresden. 157 paĝoj. 22,51 × 4,5 cm. Prezo: ne montrita.

La konata verko de nia rusa samideano Kotzin pri la Historio kaj la Teorio de Ido estas nun havebla en germana lingvo, kun valoraj kompletigaj rimarkoj de la tradukintoj. Por scienca refuto de la Idistaj pretendoj neniu verko pli bone taŭgas ol tiu de Kotzin, sed ĝis nun ĝi estis nealirebla al la konvinkigotaj, t. e. la neesperantistoj. La traduko en naciaj lingvoj, kun kiu komencis la germanoj, efike subtenos la propagandon ĉe la kleruloj.

**Esperanto oder Ido?**

Du belaj folioj, 45 × 50 cm., nigre kaj ruĝe presitaj, sur kiuj Dr. med. Wilhelm Winsch pruvas per kontraŭmetitaj ekzemploj la superecon de Esperanto rilate al la akuzativo, la pronomoj, k. t. p. Eldonejo Friedrich Ellersiek, Berlin. Prezo: ne montrita.

**Ein Fürst ohne Krone,** parolado de D-ro Heinrich Arnhold ĉe la Zamenhofa memorfesto organizita de la Dresdena Esperanto-Societo. 16 paĝoj. 23 × 15. Prezo: 0.50 Marko.

Bela germanlingva parolado, en kiu ĉefe estas atentigitaj la interna ideo kaj la literatura valoro de Esperanto. En aldono S-ino M. Hankel donas mallonge ĉiujn notindajn faktojn de la Zamenhofa vivo. La lukse presitan broŝureton ornamas fotografa reproduktaĵo de olea pentraĵo de l' Majstro farita en Dresdeno dum 1908.

*Ed. St.*

**Het Esperanto in het dagelijksch Verkeer** (Esperanto en la ĉiutaga rilato), de *H. J. Bulthuis,* membro de la L. K. Centrale Esperanto-Boekhandel (J. L. Bruijn). Hago, 1917. 66 paĝoj. Prezo: fl. 0.50.

La libro havas 66 paĝojn kaj estas dividata en tri partoj: 1e la gramatiko; 2e traduko de la fabelo La Najtingalo de H. C. Andersen; 3e la plej ofte uzataj esprimoj en la ĉiutaga vivo dum vizito, promenado, pleda kaj fervoja vojaĝo, k. t. p. kiel oni kutime trovas en lernolibroj. La dialogoj ofte estas amuzaj, ekzemple: azia fremdulo volas informiĝi antaŭ giĉeto en poŝtoficejo kaj frapetas sur la pordeton. *Oficisto:* Kion? *Fremdulo:* Hokki, klokki, stokki? *Oficisto:* Mi ne komprenas vin. *Fremdulo:* Ĉuĉu, puŝu, ĉicu. *Oficisto:* Mi ne komprenas vin. *Fremdulo:* Snoksnak, tambori, klokklak. *Oficisto:* Mi ne povas kompreni vin. Feliĉe la aziano povis Esperante sin komprenigi de leteristo, kiu laboras en la proksimaĵo kaj helpis lin. Sed aliloke li ne sukcesis komprenigi sian hokki, kokki, stokki, nek sian ĉuĉu, puŝu, snoksnak, klokklak, nek sian Esperanton, kaj tial li ekelvokis malespere: „Mi parolas ses lingvojn, li eble kvar, kaj ni ne povas kompreni unu la alian ... Mi reiru rapide al mia patrujo."

La traduko de Najtingalo estas klarigata de notoj, kiuj verŝajne celas pliplenigi la gramatikon, ĉar en tiu ĉi la aŭtoro tute silentas pri la prepozicioj kaj la vortetoj: ia, ial, ie, iel, ies, io, iom, iu, iam, kun iliaj devenigaj formoj. Tio ĉi ne estas aprobinda en lernolibro; nia nekomparebla kaj neforgesebla Majstro pritraktis la lastan subjekton ne en la gramatiko sed en § 30 de la Ekzercaro.

Krom multaj aliaj eraroj estu citataj: p. 23 „tuŝotima" (hol. broos) devas esti *facilrompebla;* p. 32, se oni „streĉtordis la artefaritan birdon, ĝi povis kanti", d. e. streĉis, ĉar streĉi = hol. spannen, opwinden; p. 42, „al kio ĝi servas?", d. e. utilas; p. 30, „la ordono, ke vi aperu *al* palaca festo", d. e. ĉe palaca festo; p. 42, „Havu la bonecon", d. e. bonvolu; „vi ĉiam povas kalkuli *sur* min", d. e. je mi; p. 33, la „muzikaĵisto", d. e. muzikinstruisto; p. 34, „montri en la plej proksima dimanĉo", d. e. sekvantan dimanĉon; p. 43, „ĉiuj estas malstreĉitaj", d. e. malstreĉiĝis; p. 58, „plenda libro", d. e. plendolibro; „surmetu la supon", d. e. bonvolu alporti la supon; „tiu botelo *je* vino estas malplena", d. e. vinbotelo; „kiu estas la korktirilo?", d. e. kie estas; „mi senkorkigos", d. e. malŝtopos; „ĉu vi jam *fintrinkis* la vinon", estas holandisma traduko, d. e. *eltrinkis.*

En Esperanto „knabineto" ne estas de neŭtra sekso kiel en la nederlanda lingvo, sed de virina sekso, sekve p. 28, ĝi (la knabineto) montris, d. e. *ŝi* montris fingre.

**Woordenboek Nederlandsch-Esperanto** (Vortaro Nederlanda-Esperanto), eldonita de la Rotterdam Esp. Unuiĝo „Merkurio". 302 paĝoj. Prezo: ne montrita.

La „Woordenboek Nederlandsch Esperanto" eldonita de la Rotterdama Esperantista Societo „Merkurio" havas allogan aspekton; la presliteroj de la tiea presejo Cordati estas belaj kaj klaraj.

Mi ne pretendas esti kompetenta kritikanto de vortaroj, sed lingvostudado postulas travidi tiom multe da vortaroj, ke oni laste povas iom juĝi pri la pratika valoro de tia verko. La dirita libro estas pli vortlisto ol vortlibro; la aŭtoroj ne sekvis la kutiman manieron. Prave oni povas diri, ke ili dediĉis tre multan penadon al la listo de tridek mil vortoj. Tamen malgraŭ la vortriĉeco troviĝas ne malgravaj mankoj, kion mi alskribas al la fakto, ke la aŭtoroj, estante tre kapablaj lingvistoj, ne estas verkistoj laŭmetie; ili liveris bonegan, rekomendindan, utilan amatorlaboron. Ili jam konsentis tion en la antaŭparolo de la vortaro, dirante: „Se ni estus povintaj supozi, ke la al tiu ĉi laboro kuniĝantaj malfacilaĵoj estus tiel multaj, verŝajne ni estus abandonintaj nian intencon."

Estu rimarkite, ke troviĝas tro multe da preseraroj krom la erararo ĉe la fino de la verko; eĉ tie oni renkontas ilin. Stranga estas la interŝanĝo ĉe la fino de la H; la 54 vortoj inter „Hulpkantoor" (fino de paĝo 97) kaj Hysterisch devas sekvi la lastan vorton „Huurder", do la lasta vorto devas esti „Hysterisch".

Plue estu rimarkite, ke „ignori" signifas *ne scii;* la nederlanda vorto ignoreeren signifas ne voli koni aŭ rekoni; ne voli scii (vidu N. J. Koenen, Verklarend Handwoordenb.), sekve „Jgnoreeren" ne estas ignori. „Prulschryver" ne estas verkaĉisto sed fuŝverkisto. Post „Dryven" oni trovas drivi (?).

Mia opinio estas, ke la vortaro plia, ltigos sian valoron, kiam ĉe la sekvanta eldono la korektado estos pli bone prizorgita.

*G. Altenstadt.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Stoikaj paĝoj*

*al militkaptita filo*

*Ĉiu havas sian plezuron; la mia estas, havi sanan animon, kiu malamegas nek ian nomon, nek tion, kio al homoj okazas, sed kiu ĉion vidas kun bonvolaj okuloj, kiu ĉion akceptas kaj ĉion uzas laŭ ĝia valoro.*

*Se iu, starante apud klara kaj dolĉa fonto, ĝin insultas, ĝi tamen ne ĉesos ŝprucigi sian akvon; se li koton aŭ ŝlimon en ĝin ĵetas, la fonto baldaŭ la koton aŭ ŝlimon disigos kaj lavos, kaj neniel malpuriĝos per ili.*

*Kiamaniere do vi mem havos en vi neelĉerpeblan, puran fonton? Tiamaniere: kiam vi konservos vin mem ĉiuhore en plena libereco kun bonvoleco, simpleco kaj modesteco.*

*Tiu, kiu timas la morton, timas ĉu la neniecon de la sentaĵoj, ĉu aliajn sentaĵojn. Sed, se neniiĝas la sentaĵoj, nenian malbonon vi sentos; se aliajn sentaĵojn vi akiras, alia estaĵo vi estos kaj ne ĉesos vivi.*

*Forviŝu el via animo ĉian prezentadon; kvietigu ĉian impulson; estingu ĉian deziron; estu mastro de via animo!*

*El* Marko Aŭrelio.
*Trad.:* Th. Cart.

# EMILE BOIRAC

En la momento aperigi ĉi tiun N-ron, atingas nin la malĝojiga informo pri la morto de nia eminenta samideano Rektoro **Emile Boirac,** prezidanto de la Esperantista Akademio, prezidinto de la unua Universala Kongreso de Esperanto, fervora kaj malnova propagandisto de nia movado en Francujo.

S-ro Emile Boirac estas ankaŭ unu el la viktimoj de la milito. En la unua jaro de la milito mortis sur la batalkampo lia amata filo, kelkajn monatojn poste lia edzino, kaj, elprovita de tiom da ĉagrenoj, li mem sekvas, post vivo tute dediĉita al la scienco kaj al la bono de la homaro.

Ni en la proksima N-ro pli detale rememorigos pri la Esperantista agado de nia bedaŭrata samideano. Dume ni esprimas nian sinceran simpation al lia tiel kruele frapita familio kaj al liaj funebrantaj amikoj.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Sveda Esperanto-kunveno

La Sveda Esperanto-kunveno okazis en Skara dum la festo de S-ta Johano kun bona sukceso.

En la vespero sabata okazis tre interesa parolado de S-ro red. P. Nylen pri la temo „La ŝtatregantoj, la lernejo kaj Esp.". Atente aŭskultata de multnombra publiko, la parolado estis forte aplaŭdita.

Kunveno de la Sveda Esp. Federacio okazis sabaton. S-ro red. Nylen faris la salutparoladon, kortrafe rememorigante pri D-ro Zamenhof. Sekvis la financa raporto, kiu montras, ke la asociaj kalkuloj bilancas je 1130 kr. La stato de la gazeto „La Espero" estas ankaŭ tre bona.

Post la aprobo de la financa raporto oni diskutis pri la Garantia Kapitalo, pri Esp. ekzamenoj, pri eldona societo, kiu eldonus la oficialan organon de S. E. F., publikigus kaj vendus Esp. eldonaĵojn. La demando pri fondo de eldona societo estis prokrastita ĝis venonta jarkunveno.

La dimanĉan kunvenon prezidis S-ro J. Johansson, el Stockholm. Estis diskutite pri centra biblioteko kaj pri statutaj ŝanĝoj.

Laŭ la propono de S-ro Backman, la kunveno decidis aranĝi dum somero 1918 kongreson en Gotenburgo kaj per la aganta komitato inviti al ĝi la danan kaj norvegan Esp. federaciojn.

Poste estraro por la nova agadjaro estis elektata. Prez. J. Lundgren; vicprez. P. Nylen; sekr. F. Skog; kas. J. Helsing; helpkas. Ad. Larsson.

En la sabato vespere kaj en la dimanĉo post la fino de la kunveno, la partoprenantoj ĉeestis je festa kunveno, ĉe kiu S-roj Boberg, Rosenberg, Nylen kaj Backman paroladis.

En la altlernejo S-ro Backman aranĝis tre instruan ekspozicion multe vizitatan, kaj kune kun ĝi oni aranĝis vendejon en la botanika ĝardeno.

## Kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo

La kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo okazis la 15 julio en Hago kun bona sukceso. La nombro de la partoprenantoj estis kontentiga, la taga programo bonega kaj la vetero tre bela.

La laborkunveno estis prezidata de S-ro C. J. Baart de la Faille.

El la raporto de la sekretario rezultas, ke la societo enhavas 14 grupojn kaj 367 membrojn. La nunaj malfacilaj vivcirkonstancoj estas kaŭzo, ke ĉi tiun jaron la grandaj grupoj ne kreskis. La grupa delegitaro regule kunvenis. Pli kaj pli da interesuloj ĉeestas la kunvenojn. Pro la eksiĝo de S-ro Ziermans kiel redaktoro de „Holanda Pioniro", S-ro Mees estis elektita kiel nova gvidanto. La ligestraro interkonsentis kun la estraro de Nederlanda Katoliko pri la aranĝo de Esp. ekzamenoj.

Post la kunveno sekvis tagmanĝo, vizito al la pacpalaco kaj ekskurso al Scheveningen per specialaj tramoj bele ornamitaj de la Haga tramista Esp. grupo.

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

### Aŭstrio-Hungario.

*Kladno:* S-ro R. Nowy, Del., aranĝis konstantan Esp. Muzeon kaj arkivejon, al kiu li donacis sian kolekton de ĉ. 1500 objektoj. La inaŭguro de tiu muzeo, kiu devis okazi en 1915, estis prokrastita pro la milito. — *Kutná Hora:* La Esp. Klubo malfermis kursojn. — *Praha:* Bohema Unio Esp. aranĝis kurson ĉe popola abstinenca societo. Bohema Asocio Esp. aranĝis funebran kunvenon kun parolado de S-ro D-ro S. Kamaryt. — *Wartberg-Mürztal:* Post propaganda parolado de S-roj H. Tutsch kaj R. von Lidl oni sukcesis varbi 27 gelernantojn instruatajn en du kursoj de S-ro Tutsch. — *Wien:* En la societo de liberpensuloj S-ro O. Muschl gvidas kurson. La Aŭstria Katolika Ligo Esp. festis la 30an datrevenon de la apero de l' unua Esp. lernolibro. La lernejo por komercaj fakoj kaj por modernaj lingvoj (dir. Karl Kraus) enkondukis Esp.

### Britujo.

*Dublin:* Aperis artikoloj pri nia lingvo en la „Sunday Independent", nacia gazeto Irlanda; multaj Irlandanoj ekstudas ĝin. — *Edin-*

*burgh:* La konsilantaro de la Skota Esp. Federacio tie kunvenis kaj decidis: 1e donaci 2 £ 2 s. al la Fondaĵo Bolingbroke Mudie; 2e presigi novan eldonon de „The Esperanto Home-Student"; 3e kunveni en Coatbridge la 22 septembro. — *Grimsby:* La antaŭ nelonge fondita grupo prosperas. S-ro Clayton gvidas du kursojn. — *Hardcastle Craggs:* Pli ol cent Esp-istoj partoprenis en la Interfederacia Konferenco de Lancashire, Cheshire kaj Yorkshire, kiu sukcese okazis. — *Keighley:* Deputitaro de la grupo vizitis la Subkomitaton pri Elementa Edukado kaj atingis, ke oni eksperimentu la instruadon de nia lingvo en unu el la lernejoj. — *Liverpool:* S-ro Hipsley gvidos novan kurson, por kiu sin enskribis dudek personoj. — *Llangammarch Wells:* S-ro D-ro Pollen propagandis. Kurso estas formita. — *London:* La sekretario de B. E. A. paroladis en New Southgate, Kingston, Hackney, Addlestone, Finchley, Croydon, Acton kaj Smithfield. La propagandaj plenaeraj mitingoj en Hyde Park donis sukcesajn rezultatojn; ilin aranĝis S-roj G. H. Parker kaj C. H. Edmonds. Dum la vintro oni intencas malfermi kursojn ĉe L. C. C. lernejoj en Hammersmith kaj en Kennington. Kurso remalfermiĝis en Edmonton. — *Preston:* S-ro Jackson instruos nian lingvon ĉe la Teknika Lernejo. Kun la subteno de la Esp. Federacio de Lancashire and Cheshire, la grupo organizas vendejan budon ĉe granda bazaro okazanta la 13 septembro. — *Stockport:* La grupo intencas starigi kurson por la anoj de la filio de la Worker's Educational Association. — *Triangle:* Kurso estas fondita. Specialaj kursoj de stenografio estos aranĝataj por la lernintoj. — *Truro:* Ĉe la komerca lernejo, Esp. estis instruata de S-ro Pentecost. — *Wisbeach:* Sub la aŭspicioj de la Esp. Societo okazis Diservo en nia lingvo. Ĝin gvidis kanoniko Aŭg. S. Stokes kun la helpo de S-ro W. W. Essom. Sufiĉe granda ĉeestantaro.

## Danujo.

*Horserod:* La kurso de S-ro Vasiljev ĉe rusaj internigitoj finiĝis. Pro forveturo de la antaŭa gvidanto, la nova kurso estos gvidata de unu el la novaj samideanoj. La tendaron de la internigitoj vizitis kelkaj danaj kaj svedaj Esp-istoj. Ankaŭ rusoj sukcesis varbi al Esp. kelkajn danojn.

## Francujo.

*Alger:* La kursoj progresas sub la gvidado de S-ino Mantoz. Kelkaj novaj instruistinoj aliĝis al la kurso. — *Angers:* Kelkaj lernantoj de S-ro Muffang ĉe la liceo eklernis la lingvon tute solaj kaj jam korespondas kun eksterlandanoj, precipe kun lernantoj el Eccles, en Anglujo. — *Lyon:* La laborista grupo organizis kurson. — *Paris:* La grupo ĉiam kunvenas kaj ofte estas vizitata de eksterlandaj aŭ eksterurbaj samideanoj. Ĉe la rusa fronto en Francujo kelkaj soldatoj lernas nian lingvon. — *Philippeville.* Okazis paroladoj, kaj multaj novaj adeptoj aliĝis. Kelkaj junulinoj el la lernejoj lernos Esp. sub la gvidado de F-ino Lapica.

## Germanujo.

*Berlin:* La kolekta sumo por konstruota Esp. hejmo ĝojige pligrandiĝis. En la julia kunveno S-ro Schiff povis raporti pri donaco de 10,000 markoj de grandindustriano volanta resti inkognita. S-ro Schiff mem donacis 500 markojn. — *Breslau:* S-ro Selten faris funebran paroladon pri D-ro Zamenhof. — *Chemnitz:* Kurso, vizitita de ĉ. 40 lernantoj, estis aranĝata inter francaj militkaptitoj. — *Godesberg:* La grupo havis sian jaran ĉefkunvenon. Ekskurso estis aranĝata. Oni intencas malfermi kurson en oktobro. — *Zittau:* La lasta „Amika kunveno" estis vizitata de samideanoj de Seifhennersdorf, Görlitz, Hirschfelde, Reichenau, Reichenberg kaj Zittau. Oni fondis liberan ligon nomatan „Amika kunveno de aŭstriaj, saksaj kaj prusaj Esp-istoj" (adreso: O. König, Kasernenstr. 31, Zittau).

## Hispanujo.

*Barcelona:* En la lasta ĝenerala kunveno de „Nova Sento" oni elektis la jenan komitaton. Prez. J. Canales; vicprez. J. Compte; sekr. M. Gil; vicsekr. F. Fuster; kas. S. Vives; J. Viñas, E. Gili. — *Madrid:* Oni malfermis kursojn ĉe la societo „Fomento de las Artes", ĉe la centra komerca lernejo kaj ĉe la Ateneo. Oni esperas ankaŭ malfermi aliajn.

## Nederlando.

*Amersfoort:* En tiu loko ekzistas grupo, kiu aliĝis al L. E. E. N. Al la estraro sukcesis inviti S-ron Smit por parolado. — *Amsterdam:* Fondiĝis Esp. Propaganda-Komitato, sekve de kunveno, en kiu partoprenis delegitoj de kvar Amsterdamaj Esp. Societoj. — *Grave:* La blindulinejo „De Wijnberg" intencas enkonduki la instruadon de Esp. — *Harderwijk:* La delegitoj de ambaŭ grupoj de la internigejo: „Espero-Paco-Progreso" kaj „Amikeco-Frateco" fondis asocion de la belgaj Esp-istoj. La Centra Komitato konsistas el S-roj Zwaenepoel, prez.; Demeersseman, vicprez.; Bonabo, sekr.; Maes, helpsekr.; Deumens, kas.; La Gravière, helpkas. Oni starigis en la internigejo „Centran Oficejon de Esp.", kie ĉiuj scivoluloj povas ricevi informojn pri Esp.; direktoro estas S-ro Zwaenepoel. S-ro F. La Gravière komencos la trian kurson por la internigitoj. — *Utrecht:* Fondiĝis „Militista Esp. Societo", kiu intencas vigle propagandi inter la nederlandaj soldatoj. — *Vlissingen:* S-ro A. Smit sukcese paroladis pri Esp. kaj paco antaŭ 200 ĉeestantoj. La rezultato estis tre kontentiga; 25 personoj sin enskribis por nova kurso. Multaj ŝlosiletoj kaj propagandaj gazetoj estis vendataj. — *Zeist:* S-ro Smit, la konata Esp. paroladanto el Harlemo, entuziasmigis la belgajn internigitojn. Li parolis i. a. pri UEA kaj ĝia granda utilo. S-ro Leŭt.-Kolonelo J. Niesten, kiu mem estas Esp-isto, prezidis la kunvenon.

## Norvegujo.

*Trondhjem:* Dum la monatoj decembro ĝis majo 1917 la ĉi-tiea gazetaro entute enhavis 91 artikolojn, raportojn kaj anoncojn pri Esp.

## Rusujo.

Laŭ proponoj de multaj Esp. societoj kaj grupoj Moskva Societo Esp. preparas reguligon de Tutruslanda Federacio Esp., kiu unuigos la laboron de la disaj grupoj — *Anapa:* S-ro Naumenko aranĝis kurson en loka marista lernejo. — *Astraĥan:* Du novaj kursoj funkcias ĉe komercaj klasoj. — *Baku:* S-ro Tadeosjanc aranĝis novajn kursojn. — *Barnaul:* S-ino N. N. Kungorova gvidas kurson kun 40 partoprenantoj. — *Irkutsk:* Esp. Societo organiziĝis; 51 personoj aniĝis. S-ro Rukavicin gvidas kurson en la reala lernejo kaj S-roj Ŝevĉugov kaj Ĥrebtovski kurson por la aliaj societanoj. — *Korotaja:* En gazeto de Korotajaka Zemstvo S-ro Ustinovskij presigis propagandajn artikolojn. — *Krasnojarsk:* Inter militkaptitoj multe propagandas hungara leŭtenanto G. Euhmüller. Jam 50 personoj lernas Esp. — *Lugansk:* Esp. estas instruata en loka komerca lernejo. — *Moskvo:* La Moskva Societo Esp., decidinte pligrandigi sian eldonan agadon, aranĝis specialan eldonan fondon. La monofera listo por ĉi tiu fondo jam donis 250 Sm. Unuavice estos eldonita gvidlibro tra Moskvo. La societo ricevis de anonimo donacon de 200 Sm. Dum kunsido de Moskva laborista deputitaro, okaze de vizito de francaj kaj anglaj socialistaj delegitoj, la Moskva Librejo, pere de S-ro Prager, disdonis 500 lernolibrojn kaj propagandilojn. La saman propagandon faris la Moskva Societo Esp. dum kunsido de soldataj deputitoj. Ĝi ankaŭ dissendis 3000 alvokojn pri Esp. al rusaj instruistoj. — *Narva:* En esta gazeto „Meie Elu" estas presita granda propaganda artikolo de S-ro Udrih. — *Odessa:* S-ro Vozdoviĵenskij aranĝis kursojn en gimnazioj. — *Petrograd:* Post la revolucio la loka Esp. vivo fariĝis tre vigla. Ambaŭ societoj „Espero" kaj „Esp. Societo" decidis kunfandiĝi por pli forte labori. Plie, formiĝis grupo de Esp. socialistoj, kiu eldonis flugfolion por la 1 majo. Tiuj flugfolioj estis larĝe disvastigitaj inter laboristaj organizaĵoj. Multaj folioj estis alfiksitaj al muroj sur la plej grandaj stratoj. En la societejojn venis multaj interesuloj, kaj oni malfermis kurson por komencantoj. — *Samara:* Estas fondita societo „Stelo"; la propagando estas vigla. — *Serpuĥov:* Estis komencita serio de pagantaj kursoj, dimanĉaj, vesperaj, porinfanaj, k. t. p. — *Taŝkent:* S-ro A. Kamalov organizis kurson por bahaistoj. — *Tula:*

Esp. societo fondiĝis. Pli ol 150 personoj esprimis la deziron lerni nian lingvon; oni dividis ilin laŭ 4 grupoj. La kursojn gvidas S-roj Jakovlev, Lebedev kaj Ecesti. Pli ol 400 lernolibroj estas venditaj. — *Vitebsk:* S-ro V. Grigorovič gvidis kurson kun č. 40 lernantoj. — *Vjazma:* Ĉe vira gimnazio S-ro Olevinskij organizis Esp. grupon, kiun aniĝis jam 115 anoj. Kursoj estas arangitaj. — *Zaporoĵje-Kamenskoe:* La knabina gimnazio de S-ino A. Moroz invitis S-ron Radziminskij fari en ĉiuj klasoj pagatajn Esp. kursojn. La lernantinoj aranĝis interesan muzik-literaturan vesperfeston je la profito de la infanoj de mortigitaj militistoj.

## Svedujo.

*Eskiltuna:* Kelkaj Stockholmaj samideanoj vizitis la grupon; tiuokaze festo estis aranĝita. — *Höganäs:* Grupo de jun-social-demokratoj decidis lerni nian lingvon. — *Kungsgarden:* Propaganda festo estis organizita. S-ro J. Helsing, el Gävle, faris la paroladon. Ekspozicio altiris fortan atenton. — *Landskrona:* S-ro Larsson gvidas kurson. — *Skara:* Esp. kurso okazos dum la aŭtuno por la junularo en la baptista unuiĝo. S-ro A. Rosenberg gvidos ĝin. Simila kurso estas projektata ĉe la misia unuiĝo. — *Stockholm:* Oni festis la 30-jaran datrevenon de publikigo de Esp. per ekskurso. Samideanoj el Eskiltuna, Falun, Gävle, kaj Sodertalje partoprenis. S-ro A. Larsson faris la memorigan paroladon.

## Svisujo.

La jara kunveno de la Svisa Esperanta Societo okazas en Bern la 29—30 septembro. — *Locarno:* S-ro P-ro Olivier gvidas kurson ĉe la societo de la komercistoj.

## Argentino.

*Bahia Blanca:* La Ateneo Esp. malfermis elementan kurson gvidatan de S-roj Gastañaga kaj Salguero. — *Buenos-Aires:* Ĉe la grupo „Casal Catalá", supera kurso estas aranĝita. La grupo „Liberiga Stelo" malfermis tri novajn kursojn. Ĉe la Asocio „Clamor" estis fondita nova grupo. — *Lanus:* S-ro L. Pochet malfermis kurson ĉe la societo D. F. Sarmiento. — *Pergamino:* Okaze la 30a datreveno de Esp., la grupo faris feston, kiu atingis plenan sukceson. „La Opinion" publikigis la malferman paroladon de S-ro Cowper.

## Brazilujo.

*Behem* (Para): La grava ĵurnalo „Estado do Para" aperigis sur sia unua paĝo artikolon pri UEA. — *Corumba* (Matto Grosso): S-ro P. Manot faris paroladon kaj malfermis kurson kun 60 lernantoj. La gazeto „A Tribuna" ankaŭ publikigas kurson. — *Maceio* (Alagoas): La ĵurnaloj „O Imparcial", „Jornal de Alagoas" kaj „A Ronda" presis favorajn artikolojn. — *Niteroi* (Rio): D-ro A. C. de Arruda Beltrao gvidos kurson en la Normala Lernejo. — *Para:* S-ro Nuno Baena, nia Del., redaktoro de la ĉiutaga gazeto „Estado de Para" aperigis artikolon pri UEA. — *Pelotas* (Rio Grande): La gazeto „A Opinião Publica" aperigis artikolon. S-ro J. P. Franz verkis propagandan teatraĵon, kiu estos baldaŭ ludata. — *Rio de Janeiro:* En la salono de la Geografia Societo okazis funebra kunsido je la honoro de D-ro Zamenhof. La ĉefparoladon faris D-ro Venancio da Silva. Ĉe la preĝejo Sta-Jozefo okazis meso. Ĉiuj ĵurnaloj aperigis nekrologiajn artikolojn pri nia Majstro, kelkaj kun portreto. La prez. de B. L. E. faris skribpeton al la ĉefurbestro, por ke la nomo Zamenhof estu donata al strato; li tre ĝentile promesis plenumi la peton. En la sidejo de „Spirita antaŭurba Unuiĝo" malfermiĝis du kursoj gvidataj de D-ro Venancio da Silva kaj S-ro A. Terra; enskribiĝis 160 lernantoj. Kun la permeso de l' direktoro de la Publika Instruado jam funkcias 14 kursoj en la duagradaj lernejoj kaj unu speciale por profesorinoj. Baldaŭ malfermiĝos aliaj. — *S. Luiz* (Maranhao): La grupo decidis porti funebron dum tri tagoj pro la morto de D-ro Zamenhof. „O Jornal" publikigis artikolon de S-ro Domingos Perdigao, prez. — *S. Paulo:* Bonega artikolo pri D-ro Zamenhof aperis en la grava „Correio Paulistano".

## Usono.

*Buffalo:* Oni intencas fondi grupon. — *Chicago* (Ill.): La revuo „Star of the West", organo de la Bahaistoj, publikigis interesan artikolon pri la religia aspekto de Esp., verkitan de S-ro Rufus W. Powell. — *New York:* La Esp. Societo de Greater New York kalkulas nun 190 membrojn. — *Perth Amboy* (N. Y.): „Evening News" publikigis valoran artikolon pri nia lingvo, verkitan de S-ro J. Logan Clevenger. — *Redwood City* (Calif.): La gazeto „Star" publikigis tri artikolojn de S-ro B. E. Myers. — *San Francisco* (Cal.): S-ro Ernest Archdeacon, el Parizo, vizitis la tieajn Esp-istojn. La Esp. Rondo aranĝis tiuokaze manĝokunvenon. La ĵurnaloj presigis artikolojn pri S-ro Archdeacon, liaj laboroj kaj ankaŭ pri nia lingvo. La revuo „Everywoman", oficiala organo de la nacia konsilantaro de la virinoj, aperigis artikolon de S-ro Rufus W. Powell pri la religia aspekto de Esp. kun bildo de nia Majstro. — *St. Petersburg* (Fla.): F-ino E. Esther Owen gvidas tri Ruĝkrucajn Esp. kursojn. — *Washington* (D. C.): Nova kurso estas fondita.

## Aŭstralio.

*Barraba* (N. S. W.): S-ro Edgar Pryke gvidas kurson.

## Nov-Zelando.

*Auckland:* S-ro W. L. Edmonson faris interesan paroladon pri Esp. kiel komerca lingvo. La kunvenon prezidis Sir Robert Stout, kancelario de l' Universitato, kiu esprimis sian favoron al nia lingvo. Estis akceptata deziresprimo por la enkonduko de Esp. en la duagradaj lernejoj.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto en la lernejoj.** — El „Brazila Esperantisto" ni eltiras la jenan interesan informon:

„Brazila klubo „Esperanto" ĵus atingis gravan sukceson. Ĝia prezidanto Generalo Manoel Portilho Bentes elektis, en la monato marto, komitaton konsistantan el S-roj Medeiros e Albuquerque, Everardo Backheuser kaj Alberto Couto Fernandez, por paroli al D-ro Manoel Cicero Peregrino da Silva pri la starigo de kursoj de Esperanto en la publikaj lernejoj de Rio de Janeiro. D-ro Manoel Cicero, tre konata pro siaj progresemaj ideoj, akceptis tre ĝentile la komitaton kaj permesis *la malfermon de kursoj en la Normala Lernejo kaj en la duagradaj kaj metiaj lernejoj.*

„Li opiniis tre utila por la sukceso de l' afero, ke S-ro Medeiros e Albuquerque, tre klera ĵurnalisto, deputito kaj eksdirektoro de l' Publika Instruado, faru varbigan paroladon en la Normala Lernejo.

„S-ro Medeiros e Albuquerque akceptinte plezure tiun taskon ĝin efektivigis la 31 marto, kun la ĉeesto de D-ro Ignacio Amaral, klera direktoro de la Normala Lernejo, inspektoroj, profesorinoj kaj multego da lernantinoj. La oratoro estis varme aplaŭdita pro sia bela kaj konvinka parolado. D-ro Manoel Cicero, kiu prezidis la kunvenon, diris kelkajn vortojn, dezirante la plej grandan sukceson al la kursoj malfermotaj en la lernejoj. Poste parolis D-ro E. Backheuser, en la nomo de la Brazila Klubo „Esperanto" kaj S-ro Annibal de Souza, de Brazila Esp. Klubo. Ĉiuj ĵurnaloj en Rio de Janeiro priparolis tre simpatie pri tiu por la propagando de Esperanto tre grava okazintaĵo.

„La prezidanto de Brazila Klubo elektis S-rojn E. Backheuser kaj A. Couto Fernandez por direkti la organizadon de l' kursoj."

Dum la monatoj aprilo kaj majo malfermiĝis 14 kursoj en la urbaj lernejoj.

∴ **Esperanto ĉe la soldatoj.** — El Nederlando ni ricevas la jenan komunikajon:

„La movado inter nederlandaj soldatoj kreskas. En kelkaj gazetoj legataj de militistoj oni presigis propagandajn artikolojn pri nia movado, kaj iom post iom multaj soldatoj interesiĝas al Esperanto; Prof. Blok, el Amsterdamo, bonvolis presigi en unu el tiuj gazetoj Esp. kurson, per kiu multaj mobilizitoj lernis nian lingvon.

Por konservi ĉi tiun movadon S-roj Faulhaber kaj v. Balen, mem mobilizitaj, iniciatis starigi Esp. unuiĝon nur por soldatoj. Iliaj klopodoj sukcesis: la 1 aŭgusto oni definitive fondis militistan Esp. unuiĝon; tuj 27 personoj enskribis sin kiel membrojn, kaj nun tiu nombro duobliĝis. Ni opinias, ke post ne longe la membra nombro ankoraŭ kreskos. La celo de la unuiĝo estas: konservi la intereson pri Esp. inter la soldatoj, propagandi inter ili, precipe per artikoloj kaj informoj en diversaj gazetoj, pligrandigi la korespondadon kaj doni skribajn kursojn. Ni ne dubas, ke ĉiuj legantoj de ĉi tiu gazeto aprobas nian celadon."

## TRA LA GAZETARO

.·. „*Argentina Esperantisto*" (junio) pligrandiĝas. Ĝi publikigas kelkajn propagandajn artikolojn en hispana lingvo kaj proponon de S-ro H. M. Lanyon, el Aŭstralio, pri starigo de nova ordo internacia kun internacia armeo.

.·. „*British Esperantist*" (aŭgusto) publikigas raporton pri vizito al nia maljuna samideano Felix Moscheles, alvokon de la Komitato por komuna komerca lingvo, kaj kronikon. Oni anoncas, ke la Eklezia Esp. Ligo intencas eldoni kvaronjaran revuon pri ekleziaj aferoj.

.·. „*Brazila Esperantisto*" (marto—aprilo—majo) presis la tekston de parolado de D-ro Venancio da Silva okaze de l' funebra kunsido pri D-ro Zamenhof, informojn pri la grava sukceso atingita de Esp. en la lernejoj de Rio, kaj riĉan kronikon.

.·. „*Esperanto-Monthly*" (septembro) estas dediĉata al Esp. ĉe la fronto kaj publikigas „komprenigilon" por soldatoj britaj, usonaj, francaj, kaj belgaj.

.·. „*France-Esperanto*" (majo—junio) estas grandparte dediĉata al D-ro Zamenhof. Ĝi publikigas ekstraktojn el nekrologiaj artikoloj de diversaj Parizaj gazetoj. Kroniko kaj literaturaĵoj.

.·. „*Germana Esperantisto*" (aŭgusto) enhavas studon de S-ro S. Winkelmann pri poezio kaj vero, artikolon de D-ro Th. Tichauer pri la organizaj taskoj de la nuntempo, rakonton de S-ro F. W. Illing „kiel Esperantistoj interkonatiĝas", interesajn informojn de F-ino Julie Šupichová pri la bohema Esp. movado dum la milito, kaj la kutimajn kronikaĵojn. Eldono B. publikigas legindajn literaturaĵojn kaj artikolon de F-ino M. Kubásková pri la rilato de Esp. al la kompreno de la vivo. En la scienca aldono „*Esperanto-Spiegel*" interesa studo de Prof. P. Christaller pri la propraĵoj de Esp.

.·. „*Holanda Pioniro*" (aŭgusto) enhavas biografion de D-ro Zamenhof, artikolojn en nederlanda lingvo kaj raporton pri la kunveno de la Nederlanda Esp. Societo en Hago. La septembra kajero enhavas i. a. la protokolon de la ĉiutrimonata nederlanda kunveno en Hago.

.·. *Informilo*. Ni ricevis la 1an N-ron de tiu nova ĵurnalo, „dediĉita al serĉado de vojoj, celantaj al la realigo de interhoma frateco". Ĝi estas presata en Moskvo, kaj en 1917 aperos 5 numeroj. La ricevita dudek-kvarpaĝa kajero enhavas interesajn kaj bone dokumentitajn artikolojn pri institucioj kaj iniciatoj celantaj la plibonigon de la homa vivo (vegetara kongreso, laborkolonioj, fruktokultura kolonio, k. t. p.). Ni konsilas la legadon de tiu gazeto al ĉiuj Esp-istoj interesataj pri sociaj progresoj kaj vivreformaj iniciatoj. Redakcio: Bankovskij 2, kv. 38, Moskvo. Abono: 2 rub. jare, kun ruslingva aldono 3. 50 rub. Abonojn akceptas la Redakcio en Moskvo kaj la C. O. de UEA.

.·. „*La Espero*" (julio) publikigas detalan raporton pri la sveda Esp.-kunveno en Skara. La aŭgusta kaj septembra kajeroj enhavas svedlingvan artikolon pri Esp. kaj lerneja reformo, informojn pri la venonta skandinava kongreso en Gotenburgo, riĉajn kronikon kaj bibliografion.

.·. „*Ondo de Esperanto*" (aprilo-majo) enhavas riĉan kronikon, kiu atestas pri la progresoj de nia movado post la revolucio. Sub la titolo „La nova perspektivo" S-ro B. Kotzin montras, ke la revolucio garantios la Esp. liberan propagandon kaj faciligos la disvastiĝon de nia lingvo. Kiel kutime, kelkaj literaturaĵoj.

.·. „*Svisa Espero*" (aŭgusto) publikigas kiel aldonon franclingvan broŝureton de S-ro de Saussure: „Les ‚tares' de l'Esperanto", en kiu li trafe refutas la plej oftajn kritikojn de la Idistoj pri nia lingvo. Sed kial do en la fino de sia laboro S-ro de S., rekaptita de la reformemo, proponas fonetikan alfabeton, kiu kripligas nian lingvon kaj donas al ĝi barbaran aspekton? Ĉu li ne vidas, ke ŝanĝi la alfabeton de Esp. necese kondukos al ŝanĝo de la formoj de multaj vortoj? Aŭ ĉu li opinias, ke vivkapablaj estas vortoj kiel: *candyo* (= ŝanĝo), *cati* (= ŝati), *cajno* (= ŝajno), *tcambro* (= ĉambro), *dyardeno* (= ĝardeno), *dyemi* (= ĝemi), *dyustetso* (= ĝusteco), *cawmo* (= ŝaŭmo), *cantselidyi* (= ŝanceliĝi)? Estas eraro kredi, ke reformo de la alfabeto ne estas reformo de la lingvo.

.·. Aliaj ricevitaj gazetoj: „*Amerika Esperantisto*" (majo), „*British Espérantist*" (septembro), „*La Esperantisto*" de La Plata (julio), „*La Monde Esperantiste*" (aŭgusto), „*Nederlanda Katoliko*" (aŭgusto—septembro).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Asocia jaro 1918.** — Ni kore dankas ĉiujn samideanojn, kiuj malgraŭ la nunaj malfacilaj cirkonstancoj, ne forgesis nian Asocion kaj, repagante sian kotizaĵon por la kuranta jaro, permesis al ĝia Oficejo, resti malfermata kaj daŭrigi ĝian agadon tiel en Esperantista kiel en la humana kampo. Ni ankaŭ dankas la subtenantojn pro ilia plia memvola ofero kaj la novajn dumvivajn membrojn, kiuj aliĝante dum la nuna tempo pruvis sian konfidon pri la estonteco de nia Asocio.

Kiel estis atendeble je la tria militjaro, la nombro de la membroj pagintaj la kotizaĵon ankoraŭ plimalgrandiĝis; ĝi verŝajne apenaŭ superos du mil. La repagon de la kotizaĵoj kaj la rilatojn kun niaj membroj plimalfaciligis la fakto, ke nia gazeto pro cenzurmalhelpoj ne plu povas penetri en kelkajn landojn aŭ nur tre malregule. Tio ankaŭ kaŭzas domaĝon al nia Asocio.

Bedaŭrinde, ni ne ankoraŭ antaŭvidas la momenton, kiam la paco alportos al ni la eblon, rekomenci nian agadon sur pli larĝa fundamento kaj restarigi tion, kion la milito malfortigis. Ni do denove devas alvoki por la nova asocia jaro la helpemon de niaj fideluloj, de kies subteno dependas la vivo de la Asocio. Ni esperas, ke ili bonvolos doni al ni sian apogon kaj havigi al UEA pliajn membrojn.

Oni ĝenerale konsentas, ke post la milito la intereso por internaciemaj movadoj estos pli granda ol antaŭe. Sed por ke Esperanto povu ĉerpi profiton el tiu spirita renoviĝo, estas necese, ke ĝiaj organizaĵoj — ne sole UEA, sed ankaŭ la naciaj kaj lokaj societoj — estu pretaj agi je la taŭga momento anstataŭ batali kontraŭ internaj malfacilaĵoj. Tial oni fidele subtenu ilin dum la milito kaj ne agu simile al nekonsciaj Esperantistoj, kiuj opinias, ke nuntempe nenio estas farinda!

* * *

La kotizaĵo por la Asocia jaro 1918 (komencanta je la 1 novembro 1917) estas de nun pagebla al ĉiuj Delegitoj kaj al la C. O. de UEA, kiel kutime 2. 50 Fr. por ordinara membro kaj 5 Fr. por subtenanto (laŭ svisa valoro). Jarlibro ne aperos, sed raporto en formo de broŝuro estos sendata al la repagintaj membroj.

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 1250 |
| 11. N. B. Krassovskij, Kiŝinev | 125 |
| Frankoj | 1375 |

Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

La Financa Fakestro: *Ed. Stettler.*

**Kotizaĵoj por 1917.** — Je la 31 julio estis enkasigitaj 1820 kotizaĵoj (el kiuj 80 subtenantoj). Krom tio estas 157 dumvivaj membroj. Sume: 1977. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 49.

Je la 31 aŭgusto estis enkasigitaj 1954 kotizaĵoj (el kiuj 103 subtenantoj). Krom tio estas 158 dumvivaj membroj. Sume: 2112. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 51.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato julio:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 671 | 515 |

*Tuta sumo:* 1186. (Antaŭa monato: 1448.)

Movado de la korespondaĵoj dum la monato aŭgusto:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 528 | 704 |

*Tuta sumo:* 1232. (Antaŭa monato: 1186.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Sesa listo:*

86. A. de Voogd (Venlo). — 87. C. Rousseau (Levallois-Perret). — 88. H. J. Pätiälä (Tampere). — 89. S-ino Magnus (Orléans). — 90. Ĥ. Erganov (Tambov). — 91. J. Vavilov (Elec). — 92. M. Nemser (Petrograd). — 93. P. Nemser (Petrograd). — 94. J. Hallman (Pittsburgh). — 95. S-ino de Lisboa (Paris). — 96. L. Barlet (Vinhlong-(Koŝinĥinujo). — 97. J. Gotteland (Aaron-Castellanos, Argentino). — 98. H. Nowicki (Lwow).

## Novaj Delegitoj.

*Caricin* (Rusujo, Saratova gub.). —.D.: S-ro Aleksandro Zelikman, 26, Skorbjaŝĉensk.

*Gland* (Svisujo, Vaud). — D.: S-ro Teodoro Audisio, villa „Le Rêve".

*Lobito* (Angola, Afriko). — D.: S-ro Antonio Ferreira da Silva, fervojisto.

*Para* (Brazilujo). — D.: S-ro D-ro Nuno Baena, redaktoro, 118, Estrada de S. Jeronymo, Belem.

*Richvale* (Usono, Kalifornio). — D.: S-ro L. H. Gorham, verkisto.

## Ŝanĝoj.

*Lodz* (Polujo). — D.: S-ro Alfred Hintz, 87, Pietrikauer Str. — VD.: S-ro Izidoro Schimowitsch, 11, Nowomiejska.

*Rio de Janeiro* (Brazilujo). — D.: S-ro D-ro Alipio Dorea, Sociedade de Geographia, 2, Praça 15 de Nov.

*Schweidnitz* (Germanujo, Schlesien). — D.: S-ro Johannes Zuckschwerdt, libristo, Burgstrasse 3.

## Adresŝanĝoj.

*Grange-over-Sands* (Anglujo). — D.: S-ro W. James Pratt, 3, Eastwood Terrace.

*Groningen* (Nederlando). — D.: S-ro Guillaume Nivard, Oostersrt. 4.

# La propagando ĉe la militkaptitoj

Ni ricevis la jenan belan leteron de unu el niaj fervoraj militkaptitaj samideanoj, S-ro Courtinat, nun en germana kaptitejo Wahn (Rejnlando). Ĝi montras, kiel fervore scias labori por Esperanto niaj amikoj, malgraŭ la malfavoraj kondiĉoj. Imitinda ekzemplo ankaŭ por *ne*-militkaptitoj!

* * *

„... Mi certigas al vi, ke inter la militkaptitaj Esperantistoj neniu rezignis je sia nobla paca idealo kaj ke, post la milito, ĉiuj volonte batalos denove por la triumfo de la novaj ideoj, de la nova sento. Eĉ en la kaptitejoj, malgraŭ ĉiuspecaj malfacilaĵoj la verda stelo brilis, kaj por doni ekzemplon pri tio, mi rakontos tion, kio estis farita ĉe la kaptitejo Münster II dum 1915—1916.

„Kiam mi estis kaptita kaj alvenis en la kaptitejon en majo 1915, ni estis entute nur tri Esperantistoj. Senprokraste, ni penis varbi kelkajn kamaradojn, ni propagandis precipe per la fakto, t. e. parolante en nia lingvo, tiel ke post tri monatoj ni havis la necesajn elementojn por fondi kurson, kies instruanto estus S-ro Verlaque, el Marseille. Bedaŭrinde li devis foriri al Senne kun pluraj lernontoj, kaj la kurso ne okazis, aŭ pli ĝuste okazis en Sennelager, sed malproksime de ni. Tamen, mi daŭrigis propagandi, instrui kelkajn amikojn izole, tiel ke en januaro 1916 mi povis krei tion, kio en septembro ne estis farebla.

„La kaptitejo estis dividita je tri fakoj, kiuj povas interkomuniki nur dimanĉe, tiel ke kun du el miaj plej bonaj lernantoj, S-roj Asset kaj Sans ni komencis kurson en ĉiu fako. Tiuj kursoj normale funkciis kaj finiĝis en aprilo kun trideko da lernantoj. Novaj elementoj varbiĝis ankaŭ inter la ĵus alvenintaj kaptitoj. Mi petis kaj ricevis la permeson instrui en la oficiala ĉambro de la kursoj pri germana lingvo, kaj je la 18 aprilo mi komencis kurson kun 35 komencantoj. Mi uzis la senperan metodon, kiu ŝajnas al mi la plej taŭga por lingvo sen gramatika malfacilaĵo.

„Ĉio iris bone, tiel ke je la fino de la kurso, kaj malgraŭ senĉesaj foriroj, estis sesdeko da Esperantistoj parolantaj kaj skribantaj korekte.

„Helpata de la nelacigebla S-ro Sans, el Perpignan, mi senprokraste komencis trian kurson la 20 julio kun 42 novaj lernantoj. Plie, malnova rusa lernanto, kiu sciis la francan lingvon, aranĝis kurson por siaj rusaj kamaradoj kun dudeko da lernantoj.

„Ĉiutage novaj kamaradoj sin enskribigis, la skeptikuloj ne plu ridis, ni superis la centon, kiam subite, je la 17 oktobro, mi estis apartigita el miaj amikoj kaj sendita tien (en Wahnlager). Tamen la sulko estis fosita, restis amikoj, kiuj daŭrigos laŭ la montrita vojo.

„Kion mi faris en Münster II, tion faris S-ro Petit en Münster I kaj S-ro Verlaque, el Senne. El aliaj germanaj kaptitejoj mi ricevis informojn, kiuj anoncas kuraĝigajn rezultatojn. Ni scios anstataŭi la samideanojn falintajn sub la kugloj kaj tiujn, kiuj senkuraĝigite rezignis je sia idealo.

„Ni kun konfido rigardas la estontecon; ni esperas pli bonan tempon, kiam la militspektro ne plu timigos la trankvilajn popolojn. En la tago kiam la homoj sin reciproke komprenos, ili eksentos, ke la homa frateco kaj la intereso ne estas kontraŭaj sentoj, kaj ke la paco estas la necesa fundamento de vera civilizacio ..."

# Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** — Unu el la plej sinceraj admirantoj de nia genia Majstro, S-ro *L. den Boef* en Hoorn (Nederlando), donis la antaŭnomon Zamenhof al sia filo, kiu naskiĝis la 14 aprilo 1917, tagon de la morto de D-ro Zamenhof.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Branson Earl Myers*, Del., Redwood City, kun F-ino *Helen Morse*, el Bolinas (Kalifornio).

## LINGVAJ DEMANDOJ

# „Kion bezonas Esperanto"

Jam de kelkaj jaroj S-ro Sentis diligente okupas sin pri lingvaj studoj. Dum la jaroj 1911—1914 li redaktis limografitan jurnaleton „Esperanta Evoluo", kie li kun kelkaj kunlaborantoj detale ekzamenis Esperanton laŭ lingva vidpunkto kaj proponis kelkajn „plibonigojn" kiujn li opiniis facile enkondukeblaj. En broŝuro aperanta sub la supre nomita titolo S-ro Sentis donas la konkludojn, al kiuj li alvenis post tiu longa kritika esploro.[1]

Oni unue devas nete distingi S-ron Sentis el la Idistaj aŭ Idistemaj reformistoj. Li akceptas nian lingvon en ĝia nuna formo kaj neniel proponas subite ŝanĝi ĝiajn fundamentajn regulojn. Li, pli modeste, proponas al la Akademio kelkajn plibonigojn, kiuj — almenaŭ la pli granda parto el ili — povus esti enkondukataj iom post iom per la de Zamenhof proponita vojo de neologismoj kaj arkaismoj. Oni povas konsenti aŭ nekonsenti kun la proponoj de S-ro Sentis (ni persone ne konsentas kun ĉiuj), sed oni devas allasi, ke li restas en la limoj de la lingva libereco permesata al Esperantistoj. Oni do ne rapidu trakti lin kiel pendigindan reformiston!

Ni ne kredas, kiel S-ro Sentis, ke de la alpreno de kelkaj plimalpli utilaj plibonigoj dependas la sukceso de nia lingvo ĉe la oficialaj rondoj, sed ni volonte konfesas, ke tio ne estas kaŭzo por tute malinteresiĝi pri la lingvaj demandoj.

Ni do antaŭ ĉio rapide trarigardu la proponojn de S-ro Sentis.

En la alfabeto li proponas, ke oni permesu ankaŭ uzi la literon *x* kun la sono ks *(exemplo, exciti)* kaj forigu la literon *ĥ*, ĉar ĝi estas malfacile prononcebla. Ni konsentas kun la unua propono, sed ne kun la dua. Estas facile instrui lernanton pri la ĝusta prononco de *ĥ*, kiu ja pliriĉigas la sonaron de nia lingvo kaj estas utila por le propraj nomoj.

S-ro Sentis kontraŭbatalas la uzon de la vorto *unu* kiel nedifinita artikolo. (Ekz. en la Ekzercaro: „unu vidvino havis du filinojn", „en unu tago kiam ŝi estis...."), li proponas, ke en tiaj okazoj oni uzu ne unu, sed *iu*. Tiam la finiĝo *u* en *unu* fariĝus superflua (ĝi ekzistis nur por ke oni povu diri *unuj*), kaj la nombra vorteto estus ***un***, unusilaba kiel la aliaj nombraj radikoj. Sekve oni devus diri: ***una, uniĝi, uneco***, k. t. p.). Estas certe, ke oni erare uzas ofte ***unu*** anstataŭ *iu*, sed se la finiĝo *u* ne estas bezona ĉe la radikvorto, ĝi iafoje ŝajnas al ni utila ĉe derivitaj vortoj. Ekzemple, *unukolora, unuforma, unusilaba* estas pli bonsonaj, ol: *unkolora, unforma, unsilaba*. La ŝanĝo ne estas do tre dezirinda.

Ankaŭ ne dezirinda ŝajnas al ni la propono diferencigi la sencojn de la prepozicio ***de*** jene: ***di*** (posedo), ***de*** (punkto de deiro), ***da*** (post pasiva verbo). Ni laŭsperte opinias, ke la okazoj, ĉe kiuj vera konfuzo estas ebla estas tro maloftaj, por ke necesa estus ŝarĝi nian lingvon je du novaj prepozicioj kaj tiamaniere plikomplikigi ĝin por la nemulte instruitaj personoj. En la grandega plimulto de la okazoj, nenia dubo estas ebla; cetere, kiam tio estas nepre necesa, oni povas eviti eblan konfuzon uzante ***per, el*** aŭ ***je*** („akcepto de la reĝo per la urbestraro", „vido de la Blanka Monto el Ĝenevo „aŭ" vido al la Blanka Monto de [aŭ el] Ĝenevo", „sklavo liberigita de sia mastro [la mastro liberigis] aŭ je sia mastro [la mastro estis forigita]"). Oni ankaŭ povas eviti konfuzeton uzante la liberan Esperantan vortordon. (Ekz. De Petro mi aĉetis libron; mi aĉetis libron de Petro.)

Ke en sia nuna senco la prepozicio ***da*** ne prezentas veran utilon, ni volonte konsentas kun S-ro Sentis. Ni sen bedaŭro lasus ĝin arkaiĝi. Pri ĝia ĝusta uzo regas konfuzo, kaj anstataŭ ĝi oni sen danĝero de malkompreno povus uzi ***de***. (La diferenco inter: „botelo ***de*** vino „kaj" botelo ***da*** vino" „estas plej ofte seninteresa, kaj, kiam necesega, oni povas ĝin montri dirante: „botelo ***por*** vino" kaj „botelo ***de*** vino".)

[1] *Kion bezonas Esperanto*. de H. Sentis, scienca doktoro, Grenoble, 40 paĝoj. Prezo: ne montrita.

Pli duba estas la demando, ĉu enkonduki la prepoziciojn ***avan*** (= dum apudesto) kaj ***dop*** (= en apudesto dorse) por distingi la tempan kaj spacan sencojn de ***antaŭ*** kaj ***post***. Ĉu pri tio oni ne rajtus fari la samajn rimarkojn kiel pri la sencoj de la prepozicio ***de***?

S-ro Sentis uzis la toleron de la Akademio anstataŭi ***aŭ*** per ***e*** ĉe adverboj. (*morge, balde*). Li eĉ uzas ***anstat*** sen finiĝo. Per si mem la sono ***aŭ*** ne estas malagrabla por la orelo (almenaŭ laŭ nia impreso), sed ĝi donas iom longajn derivitajn vortojn. Dezirinda estus, ke ĉe derivitoj oni permesu forigi la neŭtralan finiĝon ***aŭ***, tiel ke oni povu diri: ***balda*** (baldaŭa), ***anstati*** (anstataŭi), ***morga*** (morgaŭa), ***hodia*** (hodiaŭa).

La tabelon de la korelativaj vortetoj S-ro Sentis proponas kompletigi per la serio: *aliu, alie, aliel, aliam*, k. t. p. Tiam ***alie*** signifus aliloke, ne plu alimaniere. Kvankam ne tre bezona, tiu nova serio estus konforma al la spirito kaj al la logiko de nia lingvo.

Interesa estas la paragrafo, en kiu S-ro Sentis deklaras la militon al la direkta akuzativo, kiun li trovas superflua. Frazo kiel: „El sub la kanapo la muso kuris sub la lito (sen *n*) kaj nun ĝi kuras sub la lito" ŝajnas al li tute sufiĉe klara. Li citas diversajn ekzemplojn, ĉe kiuj oni ne scias, ĉu meti aŭ ne meti akuzativon. Aliparte, tiu akuzativo estas ofte uzata (kredeble pro naciaj kutimoj) kontraŭ la spirito de nia lingvo, kiu konsilas sin gvidi laŭ la senco esprimota, ne laŭ la verbo uzota. Fine, ĝi senutile plimultigas la finaĵojn *ojn, ajn*. (Ekz.: „Ŝi pikis freŝajn florojn en siajn blondajn harojn). Ŝajnas do, ke pri la direkta akuzativo, oni povus alpreni la regulon, kiun D-ro Zamenhof intencis proponi al la Lingva Komitato (La Revuo, v. 2., p. 296), nome ke, post prepozicio, oni uzu la akuzativon nur en okazo de nepra bezono. Cetere, S-ro Sentis rimarkigas, ke neniu el niaj dek-ses reguloj parolas pri tiu direkta akuzativo; ĝi do ne estas deviga. Kompreneble, la akuzativo devas esti uzata kiam ĝi anstataŭas prepozicion (kien vi iras = al kie vi iras? Mi iras Parizon = mi iras al Parizo).

Alia postulo de S-ro Sentis rilatas al la reguligo de la derivado ĉe la internaciaj vortoj. Kial havi *federala, federacia, federacio, federaciigi*, apud *federa, federo, federi*, kial *halucinacio* apud *halucino, evolucio* apud *evoluo?* Kial havi la serion *kooperi, kooperacio, kooperativa, kooperatoro, kooperatismo* anstataŭ la regula derivado: *kooperi, -o, -a, -anto, -ismo?* Fine, kial derivigi la verbojn de la substantivoj en *-acio* (*situacii, deklaracii, konversacii, reputacii, opozicii, komentarii, amendamenti*) anstataŭ derivi la substantivon de la verba radiko (*situi, -o; deklari, -o; konversi, -o; reputi, -o; opozi, -o; komenti, o; amendi, -o*)[1], konforme al la spirito de nia lingvo?

Pri ĉio tio S-ro Sentis ŝajnas al ni tute aprobinda. Estus utila purigi la vortarojn je la senutilaj *-aciaj* radikoj, kiuj tie svarmas. Ni konservu al Esperanto ĝian simplecon kaj regulecon, kaj ne oferu ilin al la trompa allogo de tuja komprenebleco.

Rilate al la sufiksoj S-ro Sentis faras kelkajn interesajn proponojn kaj sugestojn.

Li unue kontraŭbatalas la trouzon de sufiksoj, kaj en tiu ĉi punkto ofte akordiĝas kun S-ro de Saussure. Kial la finaĵoj *emeco, indeco, ebleco*, se *emo indo, eblo* sufiĉas? Kial *denseco, inerteco, rapideco, precizeco*, k. t. p. anstataŭ pli simple *denso, inerto, rapido, precizo*, kiuj per si mem montras econ? Kial babilemulo kaj *timemulo* anstataŭ *babilulo* kaj *timulo?*

Sed ĉu oni devas diri *avaro, bravo, blindo*, k. t. p. anstataŭ *avarulo, bravulo, blindulo*, tial ke tiuj vortoj signifas per si mem ulon? Ŝajnas al ni, ke oni devas ankaŭ atenti pri la analogio, kiu ludas rolon en la lingvoj. Se ***grando*** signifas ***eco grand'*** kaj ***profundo eco profund'***, oni nepre tendencas aljuĝi al ***avaro***, la sencon ***eco avar'*** (ne ***ulo***), al ***bravo*** la sencon ***eco brav'*** (ne ***ulo brava***). Plie, la sufikso ***ul*** permesas eviti konfuzojn (Ekz: ***blinda hundo*** kaj ***blindula hundo***). Se oni akceptus la proponojn de S-ro Sentis, ***blinda hundo*** signifus samtempe ***hundo, kiu estas blinda***, aŭ ***hundo de blindulo***, kio ne estas oportuna. Ni opinias, ke ĉe la plej multaj

[1] Sed ni preferus *evolucio* (anstataŭ *evoluo*) pro analogio kun *revolucio*.

okazoj, estas preferinde deiri de la adjektiva radiko (*blinda, blindulo*) ol de la substantivo.

S-ro Sentis trovas, ke por eviti trouzon de la sufikso *il* estus pli simple deiri de la instrumento mem, simile al la serio *broso, brosi, martelo, marteli.* Li dezirus, ke oni diru analogie *armo* (=armilo) kaj *armi, balao* (=balailo), *balai, kombo* (=kombilo), *kombi, raboto* (=rabotilo), *raboti*, k. t. p. La ago tiam estus *armado, balaado, kombado, rabotado*, ktp. Tiu propono necesigus do revizon de la tradukoj de l'radikoj entenataj en la Universala Vortaro. Se ĝi estus realigata laŭ la deziroj de S-ro Sentis, la sekvo estus malplia uzado de la sufikso *il*, kiu havus nur ĝeneralan sencon. (Ekz. laŭ S-ro Sentis: „cizoj, kuteloj, hako estas kune tranĉiloj." — „Skato, skio, luĝo estas kune glitiloj", k. t. p.)

S-ro Sentis kritikas la misuzon de kelkaj sufiksoj. Ekz. *ec* en respondeca anstataŭ nova radika *responsa, em* en „ĉiuj homoj estas mortemaj", *iĝ* en *moviĝi, turniĝi*, k. t. p.

Li proponas, ke oni enkonduku la sufikson *i* por landoj *(Francio, Rusio, Italio, patrio)* kaj ankaŭ por sciencoj kaj artoj, kiuj estas kvazaŭ spiritaj landoj por siaj praktikantoj *(kirurgo, kirurgio, teologo, teologio, fotografo, fotografio).* Li plie proponas *jer* por arboj *(pomjero).* Ni opinias, ke utile estus enkonduki kiel eble plej baldaŭ *i* almenaŭ ĉe la landnomoj, por anstataŭi la pezajn *uj* aŭ *land* kaj por restarigi la internacian fizionomion de la landnomoj, kiujn la nuna sufikso ofte kripligas. Malpli utila ŝajnas al ni *jer.* La kunmetado de la radiko kun la vorto *arbo (pomarbo)* estas ja oportuna kaj sufiĉas.

S-ro Sentis akceptas la sufiksojn rekomenditajn de la Esp. Scienca Asocio, nome *izi* = provizi per . . ., *oza* = riĉa je . . ., *ivo* = povo por, kiuj estas necesaj por sciencistoj kaj ankaŭ povas esti iafoje utilaj en la komuna lingvo. Jen frazo, kiu montras la uzon de tiuj diversaj sufiksoj: „Nitroglicerino estas samtempe explodiva kaj explodema, kio igas ĝin tre danĝera; sed per mixo kun inerta poroza substanco, oni forigas la explodemon, konservante la explodivon, kaj oni ricevas la dinamiton." (Ni lasis la literon *x* kiel en la teksto mem).

La nova sufikso *eri*, kiun proponas S-ro Sentis por montri fabrikejon aŭ lokon, kie oni produktas pogrande, ne ŝajnas tre bezona. (Ekz.: *horloĝerio* = horloĝfabrikejo; *laverio* = konstruo kie oni lavas pogrande), *karberio* = la tuto de karba mino kaj de l' rilataj konstruoj, k. t. p.) Ni timas, ke oni ofte konfuzos ĝin kun *ej*, el kiu ĝi ne sufiĉe diferencas laŭ la senco, kaj lasos sin gvidi pli de la analogiaj finaĵoj en la naciaj lingvoj ol de la senco.

Ankaŭ duba estas la utilo de la proponita sufikso *al*, kiu ne estus enskribata inter la sufiksoj en la lernolibroj, sed estus sufikso por aŭtoroj aŭ vortaristoj en okazo de vera bezono. Ekz. la korpo estas *mortala; krimala* juro; *homala* (anstataŭ humana). Por nedifinita rilato ni jam posedas *um.* Ni dubas, ĉu *al* multe utilos. Por pravigi la alprenon de nova sufikso, oni devas citi pli ol tri aŭ kvar ekzemplojn.

La lasta parto de la broŝuro de S-ro Sentis, dediĉata al la vortaro, enhavas proponojn, kiuj necesigus veran revizon de la Universala Vortaro ne nur rilate al la gramatika fiksado de la radikoj, sed rilate al la formo de l' vortoj. Kelkaj el tiuj proponoj pekas do kontraŭ la Fundamento, almenaŭ laŭ la ĝisnuna interpretado. Pro la restarigo de la litero *x*, S-ro Sentis dezirus, ke oni diru *explori, exprimi, excepti*, ĉar estas nelogike havi *esplori* apud *eksciti.* Oni diras nun *anonci*, sed *denunci* kaj *nuncio.* Kial ne la sama grafismo *nunci* aŭ *nonci?* (S-ro Sentis preferas *nunci*, sekve *anunci, pronunci.* k. t. p.)

Ni havas, el la derivitoj de la latina familio *ponere, ekspozicio, proponi, ripozi, supozi, pozi, pozicio, imponi, komponi, oponi, opozicii*, do jen *poni* jen *pozi.* S-ro Sentis proponas, ke oni ĉiam uzu la grafismon *pozi* (sekve *kompozi, opozi, impozi, propozi).*

Ni havas *konduki, traduki* apud *produkti, indukti, dedukti.* Tio ĝenas la simetriaman S-ron Sentis, kiu dezirus ĉie la finaĵon *dukti.*

El la latina familio *premere* ni havas *premi, kompreso, esprimi, impresi, presi.* Al S-ro Sentis ŝajnus preferinda la grafismo *presi*, sed oni lasus *exprimi* en ĝia nuna senco por konservi al *expreso* la ĝisnunan internacian signifon. Kontraŭe la nuna *premi* cedus lokon al *presi* kaj *presi* al *printi*, eltirita el la angla lingvo, kio estas vere senutila ŝanĝo.

Anstataŭ *konkludi* preferinda estus *konkluzi*, analogie al *exkluzive* kaj *inkluzive.*

S-ro Sentis finas sian laboron per kelkaj rimarkoj pri la metodo en la laboro por vortfarado.

Jen la ĉefaj el ili:

Ne aperas utila enskribi en la estonta F. V. la vortojn devenantajn de la greka lingvo, kiuj finas per *logo, logio, grafo, grafio*, ĉar ĉiu Esperantisto bone scias, ke ĉiuj estas internaciaj. Same neutila estas enskribi grekajn vortojn, kiaj *filantropo, misogino, plutokrato*, k. t. p. nek parojn kiaj *sofismo, sofisto, ateismo, ateisto, optimismo, optimisto*, k. t. p.

Estus utila doni la tradukon de la patro-vorto ankaŭ en la hispana kaj itala lingvoj, por ke oni povu juĝi la internaciecon. La gramatika karaktero de tiu vorto estu markita per finaĵo. Ekz.: *nobel-o* (ne *nobel').*

En la estonta revizo de la F. V., kiun deziras S-ro Sentis, oni redonu la internacian formon al kelkaj vortoj, kies finaĵo estis aliigita pro sameco kun sufikso. Ekz. *oficero (oficiro), planeto (planedo), platino (plateno), vipero (vipuro).* La praktiko efektive montris, ke estas neebla eviti tion.

Fine, ĉerpinte vorton el iu nacia lingvo, oni ne ŝanĝu ĝian sencon, kiel oni faris en *domaĝi, tondi, frenezo, adulto, arbitro, oferi.*

* * *

Sed pli grava ol la pridiskuto, ĉu tia aŭ alia propono de S-ro Sentis estas plibonigo aŭ ne, estas la principa demando, ĉu la lingvaj aŭtoritatoj de nia movado, nome la Akademio kaj la Lingva Komitato, rajtas enkonduki novajn formojn en nian lingvon, kaj, se jes, kiamaniere ili devas agi por eviti konfuzon. Pri tio oni povas multe diskutadi. Ni opinias, ke la tute libera evoluo prezentas por la unueco de nia lingvo danĝeron, same kiel la reformado per dekretoj. La unua naskas malordon, la dua disputojn. Tre saĝe la Esperantistaro trudis limon al la senfina reformemo, akceptante la principon pri la netuŝeblo de la Fundamento. Sed tiu principo povas esti interpretata pli aŭ malpli progreseme. Estus eraro kredi, ke ĝi malhelpas la enkondukon de praktikaj plibonigoj. Per la vojo de la arkaismoj kaj neologismoj ni ĝuas sufiĉe grandan liberecon, kiu permesas iom post iom plibonigi nian lingvon laŭ la postuloj de la praktiko.

Sed ĉu tiu plibonigado per la vojoj de neologismoj devas esti lasata al ĉies arbitro? Sendube ne, ĉar tio naskus malordon kaj konfuzon, kiuj igus nian lingvon malpli facila. Estus danĝere se, ekzemple, Esperantaj gazetoj enkondukus laŭ sia plaĉo kelkajn el la proponoj de S-ro Sentis kaj se vortaristoj fabrikus novajn vortojn laŭ sia bontrovo. Novajn formojn aŭ neologismojn oni povas provi en specialaj verkoj, kiel S-ro Sentis faris kaj pli frue S-ro de Saussure, sed oni nepre bezonas aŭtoritaton, kiu permesos aŭ eĉ konsilos ilian ĝeneralan uzadon en la gazetoj, en la vortaroj, en la lernolibroj. Por tio ekzistas Akademio kaj Lingva Komitato. Ilia agado estis ĝis nun malgrava. Ambaŭ institucioj bezonas reorganizon kaj precipe taŭgajn labormetodojn. Plie, ne sufiĉas, ke la Akademio kaj la L. K. alprenas decidojn. Necesas, ke al ili konformiĝu la Esperantistoj. Por tio devas ekzisti firma interkonsento inter la eldonistoj de gazetoj, de vortaroj kaj lernolibroj, tiel ke la lingvo instruata kaj uzata estu kiel eble plej konforma al la decidoj de la lingvaj aŭtoritatoj. Kiam tiuj kondiĉoj estos realigitaj efektive, ne sole sur la papero, oni povos singardeme labori je la plibonigo de nia lingvo, laŭ la montroj de la praktiko kaj la propra genio de Esperanto. Por tiu laboro la studo de S-ro Sentis liveras bonan preparan materialon; tial ĝi meritas la seriozan atenton de ĉiuj, kiujn interesas la estonta sorto de nia lingvo.

# Esperantia Parolejo

## Propono pri instruado de Esperanto al gejunuloj

Kiel longjara fervora propagandisto de Esperanto, kiu malgraŭ la milito restis plene fidela al siaj antaŭmilitaj opinioj kaj konvinkoj, mi permesas al mi prezenti al ĉiuj samideanoj, kiuj konservis sian kredon je nia afero, la jenan proponon:

La milito haltigis la internacian laboron por nia afero, kaj ankaŭ tre limigis en ĉiuj landoj la movadon. Aliflanke UEA per sia dummilita praktika laboro kaj la regula aperigo de la gazeto „Esperanto" pruvis la vivenergion de nia afero eĉ sub la plej malfavoraj cirkonstancoj.

De multaj flankoj ni aŭdas la opinion, ke post la milito nin atendos grava laboro, kaj ke ni renkontos ĉie pli bonan komprenon kaj intereson por nia afero.

Nu, ĉefaĵo estas, ke ni ne tute ĉesigu nian agadon kaj prokrastu ĉion ĝis la militfino, sed ke ni ĉiuforte klopodu, ankaŭ en la nuna situacio, fari tion, kio estas farebla.

La propono, kiun mi prezentas, estas facile realigebla, ĉar ĝi ne bezonas kunagon de la Esperantista publiko, sed nur de malgranda areto da veraj Esperantistoj, nur de tiuj, kiuj plene posedas la lingvon, kaj estas konvinkitaj Esperantismanoj, ĉiam fervore laborintaj por la disvastigo kaj progresigo de nia afero. Plie la propono estas realigebla sen granda organiza aparato kaj multe da mono.

Do, mi turnas min al ĉiuj, kiuj posedas Esperanton sufiĉe perfekte, por povi ĝin instrui, kaj demandas, ĉu ili volas klopodi, instrui kelkajn gelernantojn de la unuaj klasoj de la popolaj lernejoj, proksimume 13–15-jarajn geknabojn. Mi proponas, preferi lernantojn de popolaj lernejoj, ĉar 1e ili ĝenerale ne scias fremdan lingvon, kaj tial la atingita rezulto estus pli trafa pruvo pri la facila lernebleco de nia lingvo, 2e ĉar iliaj ĉiutagaj lernejlaboroj ne estas tiom ampleksaj, kiom tiuj de la superlernejanoj. Plie la instruotaj gejunuloj devas esti nur tiuj, kiuj en la lernejo sukcesas plej bone, estas diligentaj kaj fervoraj, por ke la instruado okazu en la plej favoraj kondiĉoj por bona sukceso.

Mi supozas, ke en ĉiuj landoj ekzistas kelkdekoj da fervoraj Esperantistoj, kiuj volonte instruus kelkajn tiajn geknabojn, se per tio estas eble pruvi, post mallonga tempo, al la granda publiko per faktoj, ke ĉiunaciaj gejunuloj sen antaŭscio de fremda lingvo povas akiri dum mallonga tempo sufiĉan scipovon en Esperanto por bone kaj facile interkomprenîĝi.

Mi kaj kelkaj el miaj samklubanoj instruis en antaŭaj jaroj tiajn geknabojn, kaj la atingitaj rezultoj rajtigas nun aserti la supre diritan.

En ĉi tiu agado povus partopreni ĉiu samideano, kiu al ĝi estas kapabla kaj preta, ĉar ne estas necese, ke li instruu multajn lernantojn; male ju pli da instruantoj kaj ju malpli ĉies lernantoj, des pli bonaj estos la rezultoj.

Ĉiu partoprenemulo povos certe al si havigi, se li je tio klopodos, 2–3 geknabojn, kiujn li povus instrui en sia loĝejo, tiel ke ne necesas kostoj por instruejo kaj tempoperdoj pro longaj vojoj. Li povus peti por la havigo de lernantoj la helpon de la lokaj Esperantistoj kaj de siaj aliaj konatuloj; eventualajn malgrandajn elspezojn pagu la grupkasoj.

Precipe la sinjorinoj en niaj rondoj, kiuj ja ĝis nun feliĉe restis plejmulte for de la milito, povus partopreni ĉi tiun laboron, ĉar el ili estas certe multaj, kiuj povus oferi por tia grava propagando posemajne 1–2 horojn.

Necese estus, ke la tuta agado estu metode aranĝata kaj internacie organizata, proksimume jene:

Ĉiu instruanto tenadas statistikan liston pri ĉiu lernanto, notas la donitajn lecionojn, la rezultojn de la skribaj laboroj, kaj raportas de tempo al tempo (ekz. pomonate aŭ podumonate) al UEA, kie troviĝu la centrejo de la tuta entrepreno. La sistemo de la statistiko estu fiksata de UEA kaj la tuta aranĝo plej eble samforma, por ke ĝi havu absolute internacian karakteron.

De tempo al tempo UEA publikigu raportojn pri la stato de la afero kaj informu pri ĝi kontinue ĉiujn instruantojn, por ke ili havu daŭran kontakton kun ĉiuj samagantoj, kaj vidu, ke la afero kontentige, laŭplane realiĝas.

Tiumaniere ni farus la unuan praktikan paŝon por gajni por Esp. la junularon, ĉar, se ni post proksimume unujara laboro, t. e. 50—100 lecionoj, povus prezenti al la vasta publiko areton da ĉiunaciaj, samaĝaj kaj samkleraj gejunuloj, kiuj havas bonajn, ampleksajn konojn en la lingvo kaj povas ĝin paroli, tiam ni certe vekus la seriozan atenton de la pedagogoj kaj de asocioj por popolklerigo kaj junular-edukado.

Per tia laboro ni metus la firman fundamenton, sur kiu ni poste povus plukonstrui.

Necese estas kompreneble, ke la instruantoj atentigu siajn lernantojn pri la graveco de la eksperimento, ke de iliaj fervoro kaj akirotaj scioj dependas la tuta sukceso, ke ili estas pruvontaj al tutmonda vasta publiko, ke internacia lingvo estas ne utopio, sed facile akirebla interkomprenilo por la tuta estonta homaro.

Se ni per tiu eksperimento atingus nur, ke en 10 landoj po 20—30 samideanoj instruus po 2–3 lernantoj unu jaron (t. e. 50—100 lecionoj) ni povus prezenti al la vasta publiko jam plene internacian areton da junaj Esperantistoj, kaj se ĉi tiuj akiris la de mi supozatajn sciojn, la intencita pruvo estus plenamplekse liverata.

Mi havas la esperon, ke en nia rondo estos trovebla la areto da instruantoj por realigi la proponon, ĉar ĉiu devas allasi, ke ĝi estas praktika, kaj ne malfacile realigebla.

Mi faras ĉi tiun proponon, ĉar mi opinias, ke ni por nia plua propagando devas unuavice liveri per faktoj la nerefuteblan pruvon, ke ĉiunaciaj lernantoj de popola lernejo povas facile lerni Esp. Ĉi tion pruvinte al la plenaĝuloj, ni tiam povus diri al ili: „Liveru al ni la monrimedojn kaj necesan moralan subtenon, por nun plej sisteme kaj grandmezure enkonduki Esp. en la junan generacion, ĉar en iliaj manoj kuŝas la estonteco, kaj vi plenaĝuloj estas plejmulte profesie tro okupataj, por okupi vin pri lingvostudoj."

Ni devus nin poste turni al la laboristaj sindikatoj, kaj al ili diri: „Vi havas internacian programon, diras, ke post la milito la internaciismo devas esti ĉiurilate akcelata, por eviti la ripetigon de tia katastrofo, nu, ni volas doni al via idaro la plej bonan kaj taŭgan armilon, por la realigo de via celo, vi estas grandaj potencaj asocioj kun centmiloj da anoj, donu al ni viajn monan kaj moralan subtenon, tiumaniere vi atingos la de vi alcelatan kaj propagandatan internaciismon."

Same ni povus paroli al la politikaj laboristo-partioj, al la asocioj por edukado kaj popolklerigo, kiel ankaŭ al ĉiuj kulturrondoj, kies programoj alcelas pli racian kaj harmonian kunvivadon de la civilizita homaro.

Tiuvoje ni povus eble iom post iom krei grandan tutmondan Esperanto-subtenantaron, konsistantan el plenaĝuloj, kiuj, konante la necesegon de internacia lingvo, liverus al ni per malaltaj kotizoj la monrimedojn, por en daŭre pli ampleksa grado esperantistigi la sekvontajn generaciojn.

La milito vekis ĉe centmiloj la ekkomprenon por la necesego de internacia organizado de la socio, kaj se ni Esperantistoj opinias, ke per la milito ankaŭ la kompreno por niaj celoj kreskadas, ni devas jam nun komenci, energie kaj praktike labori, por pruvi al la vasta publiko, ke ni ne nur belparolas kaj revas, sed ke ni estas energiaj kulturpionioroj, kiuj ĉiuforte laboras por la plialtigo kaj pliraciigo de la homara vivo.

Mi petas ĉiun, kiu estas preta partopreni la proponitan laboron, komuniki tion al UEA. Precipe mi petas la grupestrarojn kaj Delegitojn de UEA, kunvenigi tiujn el siaj lokaj samideanoj, kiujn ili opinias taŭgaj por kunlaboro, por diskuti kun ili mian proponon kaj ilin instigi al kunagado.

**Mi estas konvinkita, ke, se ĉiulande areto da fervoruloj samtempe kaj samsisteme surprenus ĉi tiun laboron, ĝi donus post unujara agado la supre pretenditan rezulton, kaj mi tre ĝojus, se mi tion povus atingi.** *G. M.*

* * *

**Ĉiuj samideanoj, kiuj aprobas la supre nomitan projekton kaj estus pretaj praktike labori je ĝia realigo, estas petataj skribi al la C. O. de UEA. Laŭ la nombro de la ricevitaj respondoj, ni vidos, ĉu agado laŭ la vojo montrita de la proponinto, estas efektivigebla nuntempe.**

# Alvokoj

## Al Esperantistaj elektroteknikistoj!

Estas konata fakto, ke nia lingvo en sia ĝisnuna stato ankoraŭ ne estas sufiĉe kompleta por faka uzo, kaj ke terminaroj kun internacia redakto estas malmultaj, kun nacia plejparte tute ne ekzistas. Krom tio montriĝis, ke la difino malofte estas taŭge koncizigebla kaj aliflanke la aldonita nacilingva traduko ne donas fidindan, unusencan koncepton (kaj maksimume nur por la uzita lingvo mem). Tuŝataj, de tiu malbonstato estas eĉ la kutima lingvaĵo kaj ĝiaj verkoj.

Por atingi samtempe la du prezentiĝantajn celojn — doni absolute unusencajn terminojn kaj al la ĉefaj kulturlingvoj akordiĝantajn inter si vortarojn por profesio — jena maniero procedi ŝajnas al mi proponinda:

Mi turnis min al la redakcio de la plej grava konata al mi kolekto de ilustritaj teknikaj vortaroj („I. T. W." = Illustrierte Technische Wörterbücher) kaj petis permeson pri Esperantigo; interkonsento estas atingita. La konstante pligrandigata kolekto konsistas el dudekkelko da volumoj kaj ĉiu el ili amplekse pritraktas la vortmaterialon de speciala fako. Esprimoj, kies signifo ne klare rezultas el la seslingva teksto (t. e. en lingvoj germana, angla, franca, rusa, itala kaj hispana), estas figuritaj per reproduktaĵoj kaj ankaŭ formuloj. Tiel estas plenumita la unua duono de la skizita de mi programo: unusenceco kaj akordiĝo; la dua efektiviĝas per aldonita indekso alfabeta (la ĉefparto estas pure metoda) en ĉiuj ses lingvoj kun cito pri la paĝo de l' teksto. Tial oni povas uzi la verkojn sambone por traduki el unu el la ses lingvoj en sian patran, kiel male.

Koncerne la Esperantigon mi interkonsentis kun la eldonejo (Oldenbourg, München-Berlin), aperigi po aparta komplemento, kiu enhavos la tradukojn en sama duobla aranĝo. Pro la unulingveco kaj foresto de la ilustraĵoj la kosto de la aperigo (kiu cetere estas certigita) kaj la vendoprezo estos relative malgrandaj, kaj tamen Esperantistoj aĉetante la fundamentan verkon kaj la aldonon havos la saman profiton, kiel la uzantoj de la ses aliaj lingvoj.

Ankoraŭ restas klarigi la sencon de la surskribo: Pro ĝenerala konsiderado kaj persona prefero mi volas komenci publikigante la duan volumon de I. T. W., „Elektrotekniko" (ĉ. 2000 paĝoj, prezo 13,25 Sm.). Pro la graveco de la intencata kaj jam komencita laboro la partopreno de kompetentuloj el ĉiuj landoj estas dezirinda kaj, konforme al la speco de la provizora temo, precipe de elektroteknikistoj kaj ĥemiistoj; ankaŭ aliaj fakanoj estas invitataj al atribuo por la sekvontaj, sed jam prepareblaj verkoj. (Ekz. fervojo, akvotekniko, poŝto, maŝinkonstruo, k. t. p.). La principojn oni iom post iom starigos. Pro disponigo de ne publikigitaj fakverkoj oni speciale dankos. Ŝajnas superflue rimarkigi, ke la peno ne estos malgranda kaj postulas la antaŭintencon nepre persisti. Ĉar ekzistas la projekto, prezenti la manuskripton al Internacia Scienca Komisiono kaj nuntempe ne senpere atingeblaj konsiderinduloj, la publikigo povos komenciĝi nur post repaciĝo. Tiam la necesa bazo de l' diskutoj espereble jam estos kreita. Kiu bonvolos disponigi sian helpon, sciigu al mi sian adreson, specialon kaj patran lingvon, por ke la laboro povu esti dividata kaj disdonata.

*E. B. Wüster,*
*Hirschberg en Silezio,* Kontessastr. 7.

## Esperantistoj en ĉiuj landoj!

Dum la lasta jarkunveno Sveda Esperanto-Federacio decidis organizi skandinavian kongreson de Esperanto en Gotenburgo proksiman jaron kaj samtempe esprimis sian deziron, ke kiel eble plej multaj fremdlandaj samideanoj partoprenu la kongreson.

Preparu do, samideanoj en ĉiuj landoj, jam de nun vian kongresvojaĝon al la sveda komercmetropolo! Espereble la nun malfeliĉaj rilatoj internaciaj ĝis tiam iom pliboniĝos. Se nia espero tiurilate montriĝos vana, ni tamen ne povas ne kredi, ke ni havos la plezuron, gastigi reprezentantojn de la Esperanta movado el almenaŭ kelkaj eksterskandinavaj landoj. Ĉar nia movado estas politike tute neŭtrala, ni supozeble ne bezonas timi, ke la registaroj rifuzos al vi pasporton.

Ĉu pravaj aŭ ne, ni tamen estas konvinkitaj, ke vi ĉiuj simpatias kun nia kongresa entrepreno kaj tial volonte kaj laŭpove al ni helpos. Ne sciante, ĉu estos eble al vi persone partopreni la kongreson, vi tamen povos aliĝi, pagante la kongresan kotizaĵon: 5 svedaj kronoj. Tiamaniere, vi tre utilos al ni, ne malplej per tio, ke ni povos favore influi niajn samlandanojn, montrante grandan aliĝon de fremdlandaj samideanoj.

Nia kongresa ekspozicio, kiu nepre devas esti kiel eble plej kompleta por bone plenumi sian propagandan taskon, tute dependas de via helpemo. Ni do insiste petas vin, samideanoj en ĉiuj landoj, donace aŭ prunte sendi al ni ĉiuspecajn Esperantaĵojn: gazetoj (se eble tutaj jarkolektoj), propagandiloj, komercaj reklamiloj kaj prezaroj, libroj, gvidlibretoj, k. t. p.

Sed ne prokrastu, por ke vi ne forgesu!

*G. H. Backman,*
Sekretario de la Kongreskomitato,
*Helsingborg* (Svedujo).

## La poŝtukoj de Ro. Ŝo.!

Tiuj, kiuj en la paĝoj 23—24 de „Travivaĵoj de Ro. Ŝo." legis pri la belaj broditaj en Hispanujo poŝtukoj de la aŭtoro, sciu, ke la priskribitaj tukoj nun kuŝas en la mondkonata muzeo „Victoria and Albert", South Kensington, Londono, kaj apud ili troviĝos ekzempleroj de Esperantaj gazetoj. Kiel kaj kial?

Nu, kiam amiko Ro. Ŝo. proponis al la muzeo sian valoran kolekton da poŝtukoj, li petis samtempe, ke lia donaco estu iel kunligata kun nia movado, kaj ricevis de la direktoro respondon, ke li volonte akceptos ekzemplerojn de Esperantaj gazetoj enhavantaj la anoncon de la donaco de S-ro Sharpe, kaj li ankaŭ zorgos pri tio, ke la rilato inter la tukoj kaj nia kara lingvo estu klarigota al la interesatoj.

Jen nova ideo pri propagando! Amikoj, kiam vi troviĝos en Londono, iru vidi la tukojn en la „Department of Textiles"! Entute vi trovos dek-ses, el kiuj unu sola valoras pli ol £20, du aliaj po iom malpli, kaj la reston vi mem taksu!

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

AARHUS (Danujo). — S-ro C. A. Hvorslev, instruisto, Del. de UEA, 32, Trøjborgvej, PM (sendas ankaŭ PI kontraŭ uzitaj PM, ne sendas unue).

ARONA (Italujo, Lago Maggiore). — S-ro Francesco Perucchetti, PI.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro A. Hlistov, Societo Esperanta uĉenikov pri komerĉeskom, uĉiliŝĉe vorobjeva, PI.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro F. Kurjanskij, 13, Teviaŝevskaja, PI.

BAHIA BLANCA (Argentino). — S-ro L. Gastrañaga, 577, Terrada (kun ĉiuj landoj, precipe kun Centra Ameriko kaj Ĥinujo), PI, L.

BAHIA BLANCA (Argentino). — S-ro J. Gastrañaga, 577, Terrada (precipe kun rusoj kaj japanoj), PI, L.

BARCELONA (Hispanujo). — Fraŭlo F. Alsina, 1, Asturias, PI, L (nur kun fraŭlinoj).

BUENOS-AIRES (Argentino). — S-ro Eleuterio Gonzalez, 568, Saavedra (nur kun fraŭlinoj) PI, L.

BUENOS-AIRES (Argentino). — S-ro Santos Fontán, 2153, Patagones, PI.

CAMBRIDGE (Anglujo). — S-ro E. T. Harris, Trinity College, PI, L (pri propagando kaj instruo de Esp.; pri sciencaj kaj sociaj aferoj).

DOESBURG (Nederlando). — S-ro G. J. Degenkamp, telefonisto, Regimentsstaf, Mauritskazerne, PI (montrantaj nur preĝejojn.)

ENSCHEDE (Nederlando). — Membroj de Esp. Soc. „Antaŭen", sekr.: Joh. ter Maat, Overschot 5, PI, L (precipe kun gejunuloj).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Noël Daudergnies, barako 21, PI, L.

HELSINKI (Finlando). — S-ro Leo Falava, 88, Cygnaarskatu, PI.

HORSEROED (Danujo). — Rusaj internigitoj dez. korespondi. Skribu unue al S-ro L. Vasiljev, N-ro 154, Barako 57, Ĉambro 9.

KAMIŜIN (Rusujo, Sarat. gub.). — S-ro V. Polakov, Kraanaja ul., PI, L.

KNOCKALOE (Anglujo, insulo Man). — S-ro H. Peterson, internigito, N-ro 14,254, Camp 3, Compound 5 (kun svisoj).

LAS PALMAS (Hispanujo, Canarias). — S-ro Miguel H. Barrera, ĉe S-ro Rivero, 1, str. Remedios, L, PI, bfl (nur france, prefere fraŭlinoj).

LAS PALMAS (Hispanujo, Canarias). — S-ro Juan Leon Sanchez, Comandancia de Ingenieros, PI, blf.

LAS PALMAS (Hispanujo, Canarias). — S-ro Felipe Suárez, 1, Remedios, PI, blf (prefere kun fraŭlinoj).

MADRID (Hispanujo). — S-ro Juan Calahorra, 3, Calle de López de Hoyos, Prál 2, PI, L (kun ĉiuj landoj).

MADRID (Hispanujo). — S-ro Jesus Ramirez, Str. Cabestreros 10 y 12 b interior (dez. interŝanĝi Esp. revuojn kaj librojn kun angloj, holandanoj kaj italoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro José Alvarez Garcia, 1020, Av. 18 de Julio, nur PI, bfl.

ODENSE (Danujo). — Laborista Esperanta Klubo „Unueco", prez. A. Christensen, Finsens Allé 22, (kun ĉiulandanoj).

POITIERS (Francujo, Vienne). — S-ro Daniel Auger, ch. du Petit Etang, PI (surhavantaj nur daton kaj subskribon), L (nur franclingve kun ĉiuj landoj).

PORTO ALEGRE (Brazilujo, Rio Grande do Sul). — S-ro Manoel Alves Peres de Azambuja, 28, R. Mostardeiro, PM.

SAMBOR (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Jan Tyrka, PI, L (kun centraj kaj neŭtralaj landoj).

URBANA (Usono, Illinois). — F-ino Marie Martin, 1102, Church St., PI, PM (kun ĉiulandaj samideanoj).

VENLO (Nederlando). — S-ro Pierre J. M. Pypers, Stalberg 132, PI, PM, bfl (sendos nestampitajn militajn, jubileajn PM).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ATENTU SAMIDEANOJ! — Ĉiu Esperantisto devas posedi hejme rememoraĵon pri nia neforgesebla Majstro. Fotografaĵoj kaj filmoj de la enterigo estas haveblaj ĉe S-ro Adolf Oberrotman, 10—13, Krak. Vorstadt, Varsovio. 4 Fotografaĵoj kostas 1 Markon! Kinematografaj filmoj, 110 metrojn longaj, kostas 150 Markojn.

ESPERANTAJ POEMOJ aperis, de C. Chr. Droogendijk, Del. de UEA, Stavenisse (Nederlando). Prezo: 0.20 Sm. Havebla ĉe la verkisto post ricevo de du internaciaj respondkuponoj.

ĤINOJ. — Se vi havas ĥinan amikon, propagandu Esperanton donacante al li la lernolibron de S-ro Sinpak. Prezo: 2.50 Fr. afrankite. C. O. de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.

INTERMITA SCIIGO — N-ro 8 de *B. J. Klingenberg*, kun internacia programo por la 3a Hagkonferenco kaj recenzo de la provizora programo de S-ro Chr. Lange. 3 respondkuponoj afrankite. Librejo de Gröndahl & Filo, Kristiania (Norvegujo).

KORESPONDADO. — F-ino Zoila E. Moran, 756, Casilla, Antofagasta (Ĉilio), dez. interŝanĝi PI kun tutmondaj gesamideanoj; ŝi speciale korespondos pri la temo: kiel devas esti la perfekta virina tipo, kiu estos la subtenanto de nova kaj alta civilizo.

LA REVUO. — S-ro J. L. Bruijn, Librejo „Espero", 37, Paul Krugerlaan, 's Gravenhage (Nederlando), tre dez. posedi N-ron 26 de „La Revuo"; interŝanĝe li proponas la N-rojn 7/8, 9, 10, 15/16, 19/20, 27, 28, 29, 30, 31, 33, 34, 35, 36, 40, 41, 42 kaj 43 de „Internacia Bulteno".

MAKLERISTO. — S-ro K. S. Kwan penas disvastigi kaj diskonigi ĉiujn aĵn eltrovaĵojn de la plej malgravaj ĝis la plej gravaj. Se vi deziras aĉeti ion en Suda Ĥinujo plej bone vi faros skribante antaŭe al li. Li esperas, ke la Esperantista mondo ankaŭ bonvolos lin subteni. Adreso: S-ro K. S. Kwan, c./o. Standard Oil C. of N. Y., Wuchow, West River, Suda Ĥinujo.

MIGRANTAJ KARTOJ, 6 por 50 Ct. (0.20 Sm.), 25 por 1.25 Fr. (0.50 Sm.) ĉe E. H. Becker, 332, Third Ave., Daytow, Kentucky, Usono.

MODO-ARTIKOLOJ. — Tuj post la milito mi serĉas francan firmon pri sinjorin-ĉapeloj kaj garnaĵoj, kiel rubandoj, floroj, plumoj, k. t. p. Havante propran bonan detalaferon, kaj malgrandan klientaron, mi serĉas utiligi mian liberan tempon per reprezentado de tia negoco. Mi parolas sufiĉe la francan lingvon, iomete la germanan, anglan kaj italan. Pliajn specialaĵojn mi volonte liveros al interesuloj. *Guill. Nivard*, Groningen (Nederlando).

PETO. — Kiu povas doni informojn pri S-ino Leonie Dhauw, loĝanta 75, rue des Maréchaux, Brugge, Belgujo? Informojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA.

POŜTMARKOJ. — S-ro P. Tobi, Palo Alto (Cal., Usono), sendas 100 diversajn PM de Usono interŝanĝe 100 diversaj PM de lia ajn lando. Deziras aĉeti bonajn PM de ĉiuj landoj.

SALUTOJ. — S-ro F. Körösi, nuntempe militinvalido, 6, Zöldfa u. Debreczen, Hungarujo, kore salutas ĉiujn siajn iamajn gekorespond.

SKRIB- KAJ KOPIMAŜINOJ. — S-ro D-ro Nuno Baena, Del. de UEA. 118, Estrada de S. Jeronymo, Belem Para (Brazilujo) deziras katalogojn kaj prezojn de tiaj maŝinoj afrankite en haveno Para.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO